# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 89ª Jaro - Nº 301 - Decembro 1997

*LA HOMOJ KIUJ FARIS LA 20-an JARCENTON*

*Esperantistoj jarcente...*



***"Per flugiloj de facila vento flugu la sonoj de nia lingvo, malligu la langojn, malŝtopu la orelojn de tiuj, kiujn ĝis nun dividas nekompreno. Tiu esta nia celo. Por tio ni laboras." LIDJA ZAMENHOF***

*Karikaturo de Lidja Zamenhof*
*laŭ la franca ĵurnalo "La France du Sud Ouest" (Bordozo)*
*21-05-1934*
*Reproduktaĵo aperis en "Franca Esperantisto"*
*de junio 1934*

BRAZILA ESPERANTISTO

89-a Jaro - Decembro 1997
N-ro 301 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@brnet.com.br
Hejmpaĝo: http://www.brnet.com.br/bel/bel
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 1500
Redaktantoj: S. - G. Ledon - CP 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c.
skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo


## ENHAVO



# Krovilpaĝo

### La Homoj kiuj faris la 20-an Jarcenton

Kriterioj: - Ĉu oni faras ion en la jarcento aŭ ĉu oni naskiĝas en la jarcento por fari ion, aŭ ĉu de unu al alia jarcento oni ion faras?

- Ne ĉiuj ene de la jarcento elstariĝis sufiĉe por estiĝi faranto de la jarcento, sed depende de la medio tiom gravas, kiel tiu, kiu famiĝis.

- Mortintoj? Vivantoj?

"La tempo daŭre, senhalte fluas. Tial nuntempe, eĉ frakcio de sekundo, fakte ne ekzistas. Sole pasinteco kaj estonteco estas realaj, dum nuntempo povas esti konceptata nur kiel sintezo de la du kontraŭaĵoj, nome kiel samtempa kunekzistado de la pasinteco kaj estonteco. En la ĉiutaga vivo la esprimo "nuntempo" povas esti kaj ja estas uzata por praktikaj bezonoj, sed kondiĉe kaj relative: tiel relative, ke ĝi povas rilati, depende de la kunteksto, al momenteto aŭ al jarmiloj."

"La estontecon kondiĉas la pasinteco. Inter ili troviĝas la konstante ŝanĝiĝanta nuntempe, kiun eblas ĝuste taksi nur kiel rezulton de la pasinteco kaj kiel funkcion de la estonteco. En tiu senco pravas la malnova diro ke *historio estas instruistino de la vivo.*

(Esperanto en Perspektivo, p. 795, Ĉapitro 23)

Esperantujo tiom vastas, tiom signifas, tiom estas vivanta, ke senhezite ni povas aserti, ke la atingoj de la 20-a jarcento entenas ties homojn. Neeble estas selekte citi ilin ĉar ni ne estus justaj. Nia omaĝo estas skize al ĉiuj, inter ili tutaĵe **Carlo Bourlet, Kalocsay, Baghy, Grabowski, Kabe, Hector Holder, Edmond Privat, G. Waringhien, E. Adam, Caetano Coutinho, Couto Fernandes, F. V. Lorenz, ZAMENHOF... ktp...**

NOTO: En la branĉo literaturo la biografioj estas registritaj en Esperanto per Verkoj pri Esperantistoj, pri Filozofoj kaj Pensuloj, pri Beletristoj kaj Artistoj, pri Muzikistoj, pri Politikistoj, pri Sciencistoj kaj Esploristoj, pri Religie Gravaj Homoj, pri Sportistoj, ktp.

# 86-a UK - 2001 en FORTALEZA ĈU?

## Almenaŭ strebo estas!

Ĉi-sube, grava kunsido:

Prezidanto de BEL, Ŝtata respondeculo - Sekretario pri Turismo de Cearao, Prezidanto de Ceara Esperanto-Asocio, Oficisto de Agentejo pri Turismo, studas la eblecojn.

Strato Waldery Uchoa, 50
CEP: 60.120-110
Fortaleza-CE - Brazilo

2001
Fortaleza Odiseo

86-a Universala Esperanto-Kongreso
Defendu ĉi tiun ideon kaj
eliru el via hejmo kun ĝi.
Cearaa Esperanto-Asocio / Fortaleza-Cearao-Brazilo



ESPERANTO
XI NORDORIENTA E-RENKONTIĜO
IV LABORKUNSIDO DE E-ASOCIOJ EN BRAZILA NORDORIENTO
I CEARAA E-RENKONTIĜO
28-a ĝis 30-a NOV/97
FORTALEZA-CE-BRAZILO

Realigo:
UFC
CEARAA ESPERANTO ASOCIO

## AGO-TAGO

JEN RAPORTO EL NORMALUJA RESPUBLIKO:

*ĈAR ĈIU AGADO ĈIAM ENHAVAS LA RISKON DE MALSUKCESO, ERAROJ, KAJ FIASKOJ NIA MOŜTA E-ASOCIO DE NORMALUJA RESPUBLIKO DECIDIS FARI NENION ĈI-JARE. TIU KONCEPTO ĈIAM BONE SUKCESAS, KIEL PRUVAS LA SPERTOJ DE LA ANTAŬAJ JAROJ. ALMENAŬ NI NENIAM RICEVIS KRITIKOJN ĜIS NUN!*

***En la nomo de la estraro de EANR***

***P. HIPOKRITO***

## NEKROLOGO

**Pastro Machado** (José Nogueira Machado S. J. 1914-1996) forpasis la 31-an de Oktobro, 1996 en Recife, PE-BR, pro busakcidento surstrate. Li plurajn jarojn gvidis esperantajn kursojn kaj instruis la lingvon en la Katolika Universitato de Recife: Li estis D-ro en Filozofio (de Braga, Portugalio), en Matematiko kaj Fiziko. Li partoprenis la 35-an Universalan Kongreson en Parizo, 1950. Ofte li faris meson en la internacia lingvo dum pluraj Brazilaj Kongresoj kaj Renkontiĝoj de Esperanto. Li estis grandanima subtenanto de la Brazila Movado.

# CHRISTIANO KRAEMER

Li estis unu el la Esperanto-pioniroj en la ŝtato Rio Grande do Sul. Christiano Kraemer naskiĝis en la urbo Rio Grande - RS - en la jaro 1853, kaj mortis en Porto Alegre, ĉefurbo de Rio Grande do Sul, je la 17ª de Junio de 1923. Li estis, tiam 70 jara.

Lia nomo aperas en la ADRESARO, eldonita de D-ro L. L. Zamenhof, en la jaro 1897, kiel adepto de Esperanto loĝanta en Porto Alegre - RS.

Christiano Kraemer bone posedis la lingvojn germana, franca, angla, hispana, portugala kaj Esperanto. Li fariĝis jura tradukisto kaj dogana makleristo; li laboris dum multaj jaroj por la firmo "Bromberg & Cia", kie li emeritiĝis. Kiel ĵurnalisto, li skribis en "A Reforma", de Rio Grande, kaj en "Correio do Povo", de Porto Alegre, artikolojn favorajn al Esperanto.

Mi diris ke Christiano Kraemer estis pioniro de Esperanto en la ŝtato Rio Grande do Sul, ĉar en la jaro 1905, do kiam Esperanto havis nur 18 jarojn, nia samideano Christiano, kiu tiam loĝadis en la urbo Rio Grande, publikigis, en la jara "Almanako de Rio Grande do Sul (paĝo 241), bonegan artikolon pri Esperanto. Tiu Almanako, eldonita de Livraria Amerikana, de Pintos & Cia - Pelotas - Rio Grande - Porto Alegre estis tre ŝatata kaj legata de la kleraj personoj de tiu epoko. Lia artikolo havis la titolon: "O Esperanto" kaj estis dediĉita al samideano Arno Ernest. En ĝi Christiano priskribas la frakason de "Volapuk" kaj la sukceson de Esperanto. En la artikolo li laŭdas la bonan laboradon de la franco Louis de Beaufront por la disvastigado de Esperanto, parolas pri la verkoj jam tradukitaj en Esperanto kaj manifestas sian esperon, ke la lingvo ricevu atenton de la brazilanoj.

En tiu sama Almanako aperas, sur la paĝo 242, Esperanto, la poezio "Mi Rakontis", de svedo Vejnberg. (Ĝi estis tradukita en Esperanton de E. Haller, kaj oni trovas ĝin sur la paĝoj 345/346 de la 17ª eldono de la "Fundamenta Krestomatio" de la lingvo Esperanto, kompilita kaj reviziita de D-ro L. L. Zamenhof). En la sama paĝo 242 de la Almanako oni trovas belan tradukon de tiu poezio, en la portugalan lingvon, faritan de Christiano Kraemer, kiu ĝin titolis "Eu Contei".

Certe tiu poezio estis la unua teksto kiu aperis en Rio Grande do Sul publikigita en Esperanto, en la jaro 1905.

Ĉar la tipografioj de tiu epoko ne posedis la literojn kun ĉapelo, de nia lingvo Esperanto, Christiano Kraemer uzis la solvon proponitan de D-ro Zamenhof, tiu estas, anstataŭ la ĉapelitaj ŝ, ĝ, li uzis literojn ne ĉapelitajn, kun "h" (sh, gh). Tiel, post kelkaj klarigoj, la afero estis bone solvita.

La portugala traduko, en versoj, farita de Christiano Kraemer, estas tre bona, kaj montras ke li estis homo kulturita kaj sentema, kiu jam bone konis nian lingvon Esperanto kaj multe laboris por ĝia disvastigado.

Je la 2ª de Septembro de 1906, okazis, en la "Clube Caixeiral" de Porto Alegre, kunveno organizita de Christiano Kraemer. Tiam oni fondis la "Esperanto-Societo Sud-Riogranda"-n, kiu havis ĉirkaŭ 122 societanojn enskribitajn. La 1ª elektita Estraro estis:

| | |
|---|---|
| Honoraj Prezidantoj: | D-ro L. L. Zamenhof kaj Louis de Beaufront |
| Prezidanto: | Christiano Kraemer |
| Vicprezidanto: | D-ro Joaquim A. Ribeiro |
| 1ª Sekretario: | Raynaldo Frederico Geyer |
| 2ª Sekretario: | Helmuth Pohlmann |
| Kasisto: | Ilídio Mário Cruz |
| Bibliotekisto: | Alberto Goetz |
| Direktoroj: | Emílio Altmeyer Champignelli<br>D-ro João Pinto de Castro Menezes<br>D-ro José Raphael Azambuja<br>Stefan Michalke<br>Ulisses Cabral<br>D-ro Manoel Montojos |

(Reynaldo Frederico Geyer, en 1907, translokiĝis al Rio de Ĵaneiro por tie finigi sian kuracistan kurson, komencitan en Porto Alegre. En la ĉefurbo Rio de Ĵaneiro li helpis fondi la "Brazila Revuo Esperantista"-n kiu aperis en Aprilo de 1907; post Septembro de 1908 la revuo ŝanĝis sian nomon al "Brazila Esperantisto".

En 1912 Reynaldo Frederico Geyer fariĝis membro de la "Lingva Komitato").

Mi ne trovis pliajn informojn pri la "Esperanto-Societo Sud-Rio-granda". Ĝi estis, eble, la pionira esperanto-societo en Rio Grande do Sul, kaj en ĝi partoprenis diversaj eminentaj personoj de tiu tempo en Porto Alegre, sed tio ne sufiĉas por eviti ke la Societo, post kelke da tempo, ekdormu por ĉiam!

En la jaro 1923 okazis, en la sidejo de "Sociedade Leopoldina", en Porto Alegre - RS - interesa parolado, pri Esperanto kaj ĝia idealo, farita de la jam fama profesoro kaj inĝeniero Everaldo Backheuser.

Post tiu parolado Christiano Kraemer, kiu jam sufiĉe bone konis Esperanton, deklamis, en tiu lingvo, la poezion "Mi Rakontis al maro senborda", por demonstri la belecon de la lingvo internacia; kaj invitis la interesiĝantojn pri Esperanto por fari kunsidon en sia hejmo, ĉe strato Duque de Caxias, 223. Tie oni decidis fondi "Grêmio Esperantista Everardo Backheuser"-n. Ĝi estis societo tre aktiva kaj formis novajn esperantistojn, kiel S-ro Ary Zamora (dum multaj jaroj delegito de UEA/BEL en Porto Alegre) kaj Augusto de Castro (aktiva esperantisto kaj delegito en la urbo Kuritibo - Paraná).

Dum la unuaj monatoj la Grêmio, gvidata de Christiano Kraemer, estis tre aktiva. Oni organizis kursojn kaj multe

informis pri Esperanto, pere de la ĵurnaloj de Porto Alegre. La unua prezidanto de la Grêmio estis Marŝalo Raphael de Azambuja - direktoro de la Militista Lernejo de Porto Alegre. Estis anoj de la Grêmio la Generalo Feliciano Ignácio Domingues kaj la Inĝeniero Viterbo de Carvalho, direktoro de la Telefona Kompanio.

Por havi propran sidejon la Grêmio luis ĉambron en aktiva domo ĉe strato 7 de Setembro, preskaŭ antaŭ la konstruaĵo de Banko da Província.

La sidejo havis bibliotekon kun multaj libroj, ĵurnaloj, bultenoj kaj revuoj en Esperanto; kaj tio estis tre utila al la esperantistaro de tiu tempo, ĉar tiam estis malfacile trovi ion skribitan en nia lingvo.

La Gremio bone funkciadis; la kunsidoj estis viglaj kaj interesaj, kaj oni praktikadis la lingvon.

Sed granda katastrofo okazis! Malfeliĉe, je la 17ª de junio de 1923, la fervora esperantisto Christiano Kraemer mortis. Li estis, tiam, 70 jara.

La entuziasmo de la gremianoj malaltiĝis. La konstruaĵon de la sidejo oni decidis malkonstrui. La samideano Viterbo de Carvalho ankoraŭ faris sian eblon por savi la ekzistadon de la Gremio, sed la grupo pli kaj pli malgrandiĝis kaj, fine, kunsidoj ne plu okazis; la Gremio malaperis.

Nur kelkaj jaroj post (1927) oni, denove, rekomencis disvastigi Esperanton en Porto Alegre, pere de la nova societo "Sud-Brazila-Esperantistigilo". Sed tio estas alia historio.

Alberto Flores





## Kuracisto Opinias

# PLI BONE MANĜI

**- Pli ofte manĝante malmultajn manĝaĵojn, digestan aparaton ni ŝparas -**

Ni scias, ke digestado de nutraĵoj estas pli rapida, kiam post la manĝado ni marŝas, kaj ke tio ne estas la plej bona maniero. Pli bona estas malrapida digestado, kio okazas kiam oni siestas post la manĝado. Sed ĉiuj ne povas fari tion, ĝenerale oni ne povas siesti post ĉiu manĝado. Pli bone estas manĝi malgrandan kvanton de du en du horoj. Tiel, post manĝado oni ne bezonas ripozi kaj bonaj estas la digestado kaj sorbado de la nutraĵoj.

Escepte de la homo, ĉiuj animaloj ripozas post la manĝado. Se oni ne ripozas, rapide la manĝaĵoj pasas al la intestoj kaj ne ĉio estas sorbita, kio kontribuas al pligrandigo de produktado de gasoj en la intestoj pro fermentado kaj putrado de la manĝaĵoj. Gasoj el fermentado devenas el glukozidoj. Gasoj el putrado havas malbonan odoron kaj devenas el malkomponado de proteinoj. Manĝante malgrandan kvanton de du en du horoj, eble neniu manĝaĵo restos por produkti gasojn. Tio estas tre grava. Ordinare ni alkutimiĝas al ĉio sed neniam ni faras memkritikon por demandi al ni mem: Ĉu estas ĝusta tio kion mi faras? Eĉ kleraj personoj ne havas altajn sciojn pri nutrado, kaj neniam povas scii, kio estas pli bona pri tiu temo. Tiel multaj homoj plu tagmanĝas kaj vespermanĝas post aĝo de kvardek jaroj same kiel ili faris je aĝo de dudek.

La funkciado de ĉiuj organoj malgrandiĝas ekde la maljuniĝo. Je la malgrandiĝo de la produktado de digestaj fermentoj, kompreneble malgrandiĝas la digestokapablo kaj sorbado de nutraĵoj.

Por pli ofta manĝado de malmultaj manĝaĵoj, ni ne tro ŝarĝas la digestan aparaton, kaj ĝi eble enhavas sufiĉan kvanton da digestaj fermentoj por digestigi la tutan ingestitan manĝaĵon. Krome per ofta manĝado, ni ne permesas ke glukozo tro malaltiĝu kaj venigu grandan malsaton, kiu ĝenerale transdonas nenecesan ingeston kun eksceso de manĝaĵoj, kaj kontribuas al eksceso de pezo. Multaj kazoj de obezeco devenas el troa ingesto de kalorioj.

Siesti faciligas la digestadon, sed tio ne estas la plej bona helpo por tiu, kiu jam preterpasis la tridekajn jarojn. Por ĉiuj personoj la plej bona maniero estas malmulte manĝi kaj de du en du horoj, sen troigi kaj la kvanton kaj la kvaliton de la manĝaĵoj.

La plimulto el la personoj, ekzemple sepdekjaraj povas ingesti grandan kvanton da manĝaĵoj kaj senti sin tre bone, sed ĉiuj senescepte havas pli grandan produktadon de gasoj en la intestoj, ĉar ĉe neniu el ili povas okazi la miraklo - sen interveno eksterordinara - ke iliaj digestado kaj sorbado estu la sama ol kiam ili estis nur dudekjaraj. Protruda ventro povas ne signifi eksceson de graso, multfoje la kaŭzo estas eksceso de gasoj en la intestoj.

José Róiz

# PRI "ANALOJ DE E.A.S.P." Kaj Esperanto-Movado

Kio povas progresigi Esperanton? Kiu estas la plej saĝa strategio kondukanta al la "fina venko"? Jen demando, kiu de pli ol unu jarcento tiklas la Esperantistojn tra la tuta mondo. Multan inkon oni verŝis por opinii pri ĝi, sed la "samideanoj" neniam laciĝas ĝui tiun serĉadon, kaj nenia temo estas al ni pli kara, ol ĉi tiu. Oni eĉ suspektas, ke kiam Esperanto fine estos venkinta, eble tiam iuj verduloj mergos en deprimon pro manko de vivsenco... Kaj eble la respondo kuŝas (aŭ staras?) sub ilia nazo. Ĉi tiun respondon oni trovas subtile kaŝita inter la linioj de valora broŝuro lastatempe eldonita de Gilbert Ledon: "Analoj de E.A.S.P.", SP, 1997.

Oni kutime asertas, ke Historio estas la patro de scio. Tiusence, la Analoj de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo estas modela verko. Ne temas pri personaj laŭdoj al la aŭtoro (kiu cetere ne bezonas kaj eĉ spitas ilin). Ĝenerale oni supozas, ke tia verko estas teda listigo de datoj, ciferoj, nomoj kaj burokrataĵoj, kiuj konstruas nenion krom la memestimo de la aŭtoro kaj de kelkaj menciitoj. Ne tiel okazas koncerne la Analojn de E.A.S.P. Ledon ĝin redaktis per sia kutima, ironia (foje sarkasma), sprita, viveca lingvo, foje sincere laŭda, foje akre kritika - neniam detrueme. Rezultis vigla teksto pri kiu indus organizi diskuton, por ke ĉiu vera, aktiva Esperantisto lecionojn kaj konsciiĝon pri niaj problemoj kaj ilia solvo akiru. Mi riskas komenti dekon da elektitaj punktoj el la historio de E.A.S.P., kiuj, mi pensas, estas instruaj al preskaŭ ĉiuj ŝtataj aŭ lokaj Esperanto-asocioj en Brazilo.




1. Signife, ke la komenca motoro de E.A.S.P. estis 17-jarulo. Simile okazis ĉe UEA. Tamen, ne malofte junuloj estas rigardataj iom suspekteme de veteranoj, kiam ili aperas kun revoluciaj ideoj. Ĉu niaj asocioj flegas agadon allogan al modernaj junaj homoj? Ĉu oni simpatie malfermas la pordojn al ili? Kiuj estus tiaj agoj?

2. Radioprogramoj kaj ĵurnalaj rubrikoj grave efikis en la komenca laboro de E.A.S.P. En la nuna regado de televido, ĉu ili estas ekstermodaj kaj neefikaj? Mi forte dubas. Ĉefe en internlando fariĝis relative malaltkoste utiligi tiajn mediojn, kiuj atingas vastan publikon. Pri televido mem, ĉu Esperantistoj por ĉiam forkuros de la luksa, multekosta monstro? Ŝajnas, ke aŭdvidaj, bendaj kursoj kaj filmoj pri Esperanto estus trafa materialo TV-montrinda. Kie aŭdvidaj talentuloj?

3. Specialaj homoj estas aparte menciitaj en la Analoj, eĉ koncerne la daton kaj numeron de ilia membriĝo. Jen kurioza reliefigo. Kiuj kriterioj por elstarigi iujn homojn kaj ne aliajn? Mi tute konsentas pri alia individua valoro, sed nenie nia kara Ledon eltarigis la anoniman samideanon, kiu pasive aŭskultas prelegojn kaj bilancojn kaj instruojn fidele pagas la kotizon, partoprenas la renkontiĝojn, asembleojn kaj ekskursojn, eĉ se ili ne estas brilaj intelektuloj. Kiu estas pli grava : ĉu la elstaraj gravuloj aŭ ilia publiko? Iel ajn, kortuŝas la leganton la mencioj pri frato Bertino Goerner, la karmemora Roberto das Neves, mia persona instruisto Ivon Barbosa kaj multaj aliaj, kies agado (ĝis hodiaŭ) fakte ekzemplodone stimulas la ordinaran Esperantiston. Oni nur ne pensu pri persona supereco!

4. Pri statutomanio. La teksto montras , ke la zorgado pri statutoj eble pli ĝenis ol helpis la movadon. Tio ne signifas, ke normoj kaj reguloj tute ne gravas. Malhelpas la troigoj, la tempoperdo pri tio. Oni starigu simplan regularon kaj lasu energion por la praktika laboro. Ĉar finfine statutoj spronis (kaj ne male!) la malakordiĝojn interne de la asocio - kaj tio estis/as daŭra, potenca veneno. Oni mencias disputojn kaj kverelojn kun Brazila Esperanto-Ligo kaj inter la gvidantoj mem, interne de la estraro. Rigardate de ekstere, tio aspektas vera stultaĵo. Oni ŝajne eĉ kverelis, ĉu permesi aŭ ne permesi alfabetigajn kursojn de portugala lingvo en la sidejo, kaj tio kaŭzis splitiĝon! Ĉu alfabetiga klopodado ne kongruas kun la kleriga, internaciiga celo de la Esperanto-movado? Interese, ke ofte tra la mondo, Esperanto-rondoj ricevas permeson funkcii ene de alicelaj organizoj (spiritismaj, rotariaj, geografiaj, instruaj, kulturaj, eĉ hejmaj) kaj Esperantistoj ĉiam volonte profitis la akcepton! Kial ne ricevi en la Esperanto-asociojn aliajn movadojn kongruajn kun la nia?

5. En 1950, la Esperantistojn ŝajne duonparalizis la demando: kiu respondos al malfavora artikolo pri Esperanto en ĵurnalo? La demando fakte devus esti: kiom da homoj respondos? Ĉar se tuta lavango da protestoj inundus la redakciejon de la koncerna ĵurnalo, des pli bone. La nuna Rebat-servo de BEJO, iniciatita de James Piton montras la gravecon kaj urĝecon de tiu agado.

6. Pri la apogo de politikistoj kaj aliaj gravuloj, verŝajne la Analoj definitive instruis. En 1957 la influa Adhemar de Barros proponis municipan kurson de

Esperanto. Malgraŭ la relativa komenca sukceso, montriĝis, ke la manovro estis multe pli balotkapta ol Esperantoapoga. Eĉ se la fama verkisto Malba Tahan paroladis en la inaŭguro, tamen la daŭro estis efemera, kiel ĉiam. Saman elreviĝon rikoltis Ledon dum la organizado de Brazila Kongreso en San-Paŭlo. Ni lernu la lecionon: ni fidu nur niajn proprajn fortojn; la gravuloj aliĝos, kiam ili konstatos, ke Esperanto estas realaĵo.

7. Financaj problemoj ĉiam grave bremsis. Multe pli grava ol statutoj estas bona administrado kaj direktado de monrimedoj. Ĉar Esperanto-asocioj ĝenerale estas malriĉaj, tial oni zorge uzu la monon por prioritataj agadoj: instruado, informado, kaj praktika uzado de la lingvo - ĉio cetera estas nebula. Starigo de papervendejo por kapti monon ŝajnis bona ideo, sed ne tre sukcesis. Oni ne prezentis pli bonan. Sed certe se la Esperantistoj aĉetus pli da libroj, tio nepre helpus la movadon. Eĉ la problemo pri propra sidejo estas duaranga. Evidente, se temas pri grava asocio, kia E.A.S.P., sidejo gravas. Sed ĉe malgrandaj rondoj, tablo en agrabla restoracio bone solvas la problemon.Prefere zorgu, kiel la lingvo mem "sidas" en la kapoj kaj voĉoj de la Esperantistoj, jen la punkto!

8. Ĉi-rilate, la Analoj amuze/tragike montras la eternan problemon "krokodilado". Amuze, Prezidanto sukcesas paroli en Esperanto, "nur post bierglutoj"! tragike, asembleo devas okazis en la nacia lingvo "por ne timigi la homojn"! Ĉu Esperanto timigas la homojn? Ĉu ia verda fantomo? Ĉu ektimas tiuj samaj entuziasmaj propagandistoj, kiuj disanoncas, ke nia lingvo estas tre facila?

9. Ne forgesitaj de Ledon estis la materiaj, praktikaj problemoj de la asocio en la daŭro de jardekoj. Esperantistoj paŝadas sur la nuboj de idealismo, cele "al iu pli bona mondo", dum ŝtelistoj forprenis la buston de Zamenhof de sur placo, kaj enrompis la sidejon; pluva akvo preskaŭ inundis la sidejon kaj termitoj kaj tineoj minacis la librojn. Ledon preskaŭ sugestis, ke la insektoj estas pli legemaj ol la Esperantistoj mem... Jen alvoko, ke ni tenu niajn piedojn sur la grundo de realisma laboro, komence per zorgado de nia fizika materialo mem.

10. Kurioze kaj simpatie, ke Esperantistoj grupe ekskursis al la monto Jaraguá en 1962, kaj tie hisis nian flagon. Tre simbole. Ĉiu Esperantisto hisu flagon ĉe sia fenestro, gluu plastaĵon sur la vitraĵon de sia aŭtomobilo aŭ portu sur si Esperanto-ĉemizon. Kondiĉe, ke li povu bone informi kaj flue paroli en nia lingvo, se preterpasanto tion petas.

Konklude: el la heroa, stumbloplena, ŝvitiga kaj pena historio de E.A.S.P. eblas kapti plurajn instruojn. Oni nepre sukcesis, se konsideri la multajn kaj gravajn atingojn de la plej forta ŝtata asocio de Brazilo. Kiu estis la ĉefa faktoro? Revene al la komenca demando: kio plej sukcese progresigas Esperanton? La legantoj esprimu siajn opiniojn. Dume, mi modeste lasas la mian: ke oni praktike uzu la lingvon, ĉiu en sia kampo, ĉu pro profesiaj, fakaj, korespondaj, hobiaj, filozofiaj aŭ amuzaj kialoj. Oni legu pli da libroj en Esperanto, oni profitu tiun belan okazon iom pli kleriĝi, tiel ke la mondo konstatu, ke Esperantistoj ja ne estas plej menslimigitaj homoj. Nur tiel Esperanto montriĝis vivanta, ekde la kreo de la lingvo. La Analoj de E.A.S.P. jen ripetas la historion. En ekologia tempo, mi ne emus mistrakti krokodilojn, sed mi penus konvinki ilin inteligente uzi nian lingvon. Parafraze al la Biblio: krokodiloj estas necesaj, sed ve al tiuj, kiuj ĉiam krokodiladas...

Paulo S. Viana, Lorena SP

NDLR - "ANALOJ DE EASP" estas aĉetebla ĉe Esperanto-Asocio de San-Paŭlo aŭ ĉe BEL je kosto de R$ 4,00

# EBRI-EFIKO

Mi havis en mia hejmo dek botelojn da bona brando, sed mia edzino devigis min forĵeti ilin. Mi prenis la unuan botelon, drinkis unu glason kaj ĵetis la restaĵon en lavujon. Mi prenis la duan botelon, drinkis alian glason kaj ĵetis la restaĵon en lavujon. Mi prenis la trian botelon, drinkis la restaĵon kaj ĵetis la glason en lavujon. Mi prenis la kvaran botelon, drinkis en lavujon kaj ĵetis la restaĵon en la glason. Mi prenis la kvinan glason, ĵetis la ŝtopilon en lavujon kaj drinkis la botelon. Mi prenis la sesan lavujon, drinkis la botelon, kaj ĵetis la glason en la restaĵon. La sepan botelon mi prenis en la restaĵo kaj drinkis lavujon. Mi prenis en la glason, drinkis en la restaĵon kaj mi ĵetis lavujon en la okan botelon. Mi ĵetis la naŭan lavujon en la glason. Mi prenis en la botelon kaj drinkis la restaĵon. La dekan glason, mi prenis la botelon en la restaĵon kaj ĵetis min en lavujon.

E-igis EUNICE FARIA DE AGUIAR



# NIA LINGVO

## La dekadenco de Esperanto-revueto

### Celoj de Esperantaj periodaĵoj

Sendube la primara celo de publikigado de periodaĵoj en Esperantujo estas informi legantojn pri gravaj eventoj en la komunumo. Dua celo estas aperigo de diverstemaj artikoloj, eseoj kaj recenzoj, kaj ankaŭ prezentado de beletraj kreaĵoj en ĉiuj ĝenroj. Tria funkcio de la Esperanta gazetaro estas doni al legantoj okazon koni modelojn de bona lingvouzo, kiuj servos por instigi ilin al pliperfektigo de la propra lingvoscio. Ke la redakcio de pluraj gazetoj ne serioze okupiĝas pri la tria celo estas evidente pro la konstanta apero de erarhavaj tekstoj.

### La blufo pri plena posedo de la lingvo

Mark Fettes, la redaktinto de "Manifesto de Prago", asertas en la sekcio pri pedagogia efikeco, ke:"Plena posedo de Esperanto eblas eĉ per memstudado."Bedaŭrinde, tio estas blufo. En Esperantujo troviĝas amaso da homoj, kiuj dum pluraj jaroj ankoraŭ ne ĝuste uzas la lingvon. Estas ankaŭ redaktoroj de periodaĵoj, kiuj ne kapablas liveri al siaj legantoj plene posedatan lingvon, ĉar eblas trovi sintaksajn, semantikajn kaj stilajn misaĵojn eĉ en la plej prestiĝaj internaciaj revuoj kaj gazetoj.

Tiu situacio estas tiel skandala, ke Stefan Maul, la prezidanto de tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA), devis publike demandi, kial ekzistas tiom da lingvaj eraroj en Esperantaj periodaĵoj. De tempo al tempo mi provas atentigi redakciojn pri erara lingvouzo, sed tio estas vana strebo, ĉar senĉese reaperas malĝustaĵoj, kiujn nek redakcianoj nek korektantoj kapablas elsarki.

### La bedaŭrinda kazo de negativa redakcia reago

Tiu malkuraĝiga travivaĵo trafis min, kiam mi informis la redaktoron de la oficiala gazeto de organizaĵo en Britio pri la malalta lingvonivelo de lia periodaĵo. Jen lia febla provo defendi sin.

"Mi ja konsentas ke [ĝi] tro ofte kulpas gramatike...Oni eble miras ke ŝajne sperta homo povus tiom erari, sed redaktoroj havas multe pli aliaj aferoj fari, kaj neniam estas facila mem kontroli proprajn verkaĵojn."
Mi respondis per tiu ĉi konsilo.

"Kiel redaktoro vi havas la moralan devon fari ĉion por plibonigi la aspekton kaj enhavon... Se via scio de Esperanto ne estas sufiĉe bona por ebligi al vi senerarigon de fuŝe verkitaj tekstoj, kaj se vi ne estas kompetenta modifi la kvalitan profilon..., estas vane doni pretekstojn. Anstataŭe, estas konsilinde transdoni la redakcian oficon al fake kvalifikita esperantisto. La membroj... ja meritas pli bonan revuon."
Returnpoŝte la redaktoro obstine rebatis jene.

"Kiu estas redaktoro de [la revuo] estas aferon por [la organizaĵo] decidi; kion aperas en tiu gazeto estas aferon por ĝia redaktoro decidi; ĉu vi sendas artikolojn aŭ informerojn estas aferon por vi decidi"

(RIM.: Mi ne ĝustigis la gramatikajn erarojn en la respondoj de la redaktoro.)

### Konkludo

Nu, la sola racia konkludo estas, ke oni aŭ maldungu la redaktoron aŭ ĉesigu publikigon de la periodaĵo. Tiu "komedio de eraroj" devas finiĝi unu fojon por ĉiam!

Bernard GOLDEN






## SOLVO POR LA PARTICIPA PROBLEMO

La verba konjugacio estas mirinda kreaĵo de Zamenhof kaj permesas per simplaj rimedoj nuanci la tempojn de la esperantaj verkoj ekde la antaŭpasinto ĝis la postfuturo sen iu ajn problemo nek escepto.

La pasivigo de la frazoj estas ankaŭ tre facila, "mi fermis la pordon" estas pasive "la pordo estas fermita de mi", kies signifo estas ekzakte la sama, kaj estas uzata ekde Zamenhof ĝis hodiaŭ, tute laŭ la 6-a regulo de la fundamento.

Bedaŭrinde oni uzas la finaĵon -ita por montri nunan rezulton, forgesante ke -it, laŭ la 6-a regulo, signifas estinta tempo, ĉu estu uzata kun verba, adjektiva aŭ adverba senco, kaj ke la adjektiva uzo de -ita montras pasintan rezulton kiu povas daŭri aŭ ŝanĝi dum la tempo kiu pasis ekde la fino de la ago ĝis nun.

Tial la uzo de -ita por montri nunan rezulton nur povas esti tolerebla kiam estas uzata kun verkoj kies rezulto ne povas ŝanĝi, kiel skribi, rompi, mortigi, ktp., sed ne kun verboj kies rezulto povas ŝanĝi, kiel fermi-malfermi, varmigi-malvarmigi, ŝalti-malŝalti kaj ĝenerale ĉiuj kiuj havas aŭ povas havi la prefikson mal-, kaj tiuj kiel konstrui, detrui, rekonstrui, ktp. kies rezulto povas esti ŝanĝita per posta ago.

Feliĉe, esperanto havas multaj rimedojn ne esploritaj, kiel la sufikso -ad, kiu kun la finaĵo -o estas uzata por substantivigi verbojn kaj kun la finaĵo -a povas adjektivigi verbojn, kio estas ĝuste kion ni bezonas, verban adjektivon, kiu ne havas tempon.

Tia uzo estas ege simpla, kaj tute konforma kun la fundamento, ĉar nur bezonas uzi -ada por montri rezulton kaj uzi -ita por montri agon.

Jen ekzemploj: "La pordo estas fermita (pasinta ago)".

"La pordo estas fermada (nuna rezulto)". "La pordo estis fermita (antaŭpasinta ago)". "La pordo estis fermada (pasinta rezulto)". La kafo estas varmigita (pasinta ago)." "La kafo estas - aŭ ne estas - varmada (nuna rezulto)". "Vundita (kiu ricevis vundon)". "Vundada (kiu havas vundon - rezulto)". "Kiam mi alvenis, la fiŝo estis manĝita (antaŭpasinta ago)". "Kiam mi alvenis, la fiŝo estis manĝada (pasinta rezulto)". La sufikson -iĝ kaj -ig, ĉar ne interesas al la rezulto, oni povas ne uzi. Varmigita kaj varmiĝita havas la saman rezulton: Varmada.

La pasivigo de "Mi fermis la pordon"kiel "La pordo estis de mi fermita" (itista skolo), aŭ kiel "La pordo estis fermata de mi" (atista skolo); feliĉe preskaŭ ne konataj de la esperantistoj, estas ambaŭ malbona solvo, ĉar estas mallogikaj, kontraŭfundamentaj kaj unu el ili ne permesas la uzon de la pluskvamperfekto kaj la alia de la imperfekto. La intenco de ambaŭ skoloj estas bona, sed la rezultoj estas malbonaj.

Mi deziras kaj esperas ke ambaŭ skoloj akceptu la proponitan solvon, kiu estas pli logika, simpla kaj tute konforma kun la fundamento, kaj tiel malaperu la nunaj skismoj kaj frate kaj amike ambaŭ laboru kune por la bono de esperanto.

Juan Navareño
Argumosa, 24, ES-28012 Madrid

*NDLR - Ni, logike estas defendantoj kaj konservantoj de nia lingva fundamento. Escepte ni submetas tiun tre interesan proponon por opinio de niaj karaj akademianoj. Ĉu la debato ita-ata estos definitive fermita aŭ fermada?*

# KVIZO

01. Kio estis la plej granda sukceso de Esperanto en publikaj lernejoj de Brazilo?

02. Kia estis la materiala helpo de la Brazila registaro al la 8 unuaj Brazilaj Kongresoj de Esperanto (1907-1926)?

03.Kiam la brazila poŝto unuafoje eldonis poŝtkartojn kun E-a teksto?

(Respondoj sur paĝo 20)




# RECENZO

***Vualo de l'silento*** - Ĝura - Eldonis SAT - 168 paĝoj - Tradukis el la franca Henri Castiau - originala titolo: "Le voile du silence". Prezo 70 FRF, ĉe via libroservo.

Tre konataj estas la "kruelaj arkaismoj"el tradicioj, kutimoj fontantaj el islamisma fanatikeco. La priskriboj faritaj de Ĝura, mem kabilino, preterpasas ĉion imageblan. La lego de tiu ĉi libro preskaŭ lasis min en stuporon. Mi hontis esti homo, t.e. aparteni al la speco de sendube la plej malbona kaj kruela besto sur la tersurfaco. Ĉu eblas ke ekzistu tia subpremo, tia krueleco, tia venĝemo, tia malamo, tia agresemo, tia violenteco, tiaj, kiajn Ĝura travivis, priskribis kaj prikantis en ĉi tiu libro kaj en sia artista grupo Ĝurĝura ekde 1977? Se ĉio, tio okazas, nu, miaj karaj kunhomoj, ni povas rezigni pri nia idealo celanta la plibonigon de nia socio. La tradicioj, la religiaj fanatikismoj estas multe pli fortaj ol niaj principoj de idealistoj.

La religioj kutimas prediki, ke oni repagu la malbonon per bono, la tuta verko de Ĝura montras kiel la bono estas repagita per kruelega malbono, ĝuste nome de religio, de tradicioj, de kutimoj. Estas malfacile kredi kaj akcepti ke en nia nuna epoko, gepatroj kaj aliaj parencoj venĝeme kuniĝu por persekuti ĝis la morto propran filinon kaj ties enuteran idon. Filino, kiu nur celis esti memstara en sia kuraĝa agado kaj simple rifuzis la kunvivadon kun viro, sen la necesa amo, viro tradicie, laŭ konveno elektita de la familianoj.

Ĝura per komponado kaj kantado en alĝeria stilo celas denunci kaj kontraŭstari tiujn faktojn. Por mildigi la dramojn ŝi tamen emfazas la valoron de la kabilia kulturo, preskaŭ ĝis kulto al tiuj teruraj tradicioj.

La esperanta lingvaĵo estas bona, ĉio tre facile legebla. Kompreneble multaj vortoj el araba kulturo aperas, la plimulto estas en PIV, la aliaj estas kursive skribitaj. La "preseraroj" estas tre malmultaj, eblas noti, mundumo anstataŭ mondumo, ekstravaganto anstataŭ ekstravaganco kaj iun strangan krom tiun!

La lego de tiu libro estas rekomendinda.

Gilbert Ledon

# MANIFESTO
## PRI LA "MIKSA METODO"

1. DIFINO – La Miksa Metodo estas, esence, la *kombino* de *traduko* kun *konversacio.*

Tiel, *resume*, unue la lernantoj, sub gvido de la instruisto, faras la (parolan) *tradukon* de la teksto de la leciono, kun helpo de la respektiva *vortareto*. Poste, oni praktikas la *konversacion*, ĉefe per *demandoj* de la leciono mem – sed nun jam *pensante* kaj *parolante* "rekte" en Esperanto.

RIM. – Ni uzas la *tradukon*, ĉar *multaj* lernantoj (inteligentaj) *ne* kapablas lerni sen tiu helpo. Kaj ĉar, ĝenerale, post iom da "trejnado", la lernantoj kapablas respondi *tuj* al la demandoj de la leciono, tio *pruvas*, ke la antaŭa *traduko* de la teksto *ne* malhelpas la regadon de la *konversacio* mem (kiel povus supozi la plej rigoraj adeptoj de la t. n. "Rekta Metodo").

2. REZULTOJ – Jam de pluraj jaroj, ni provas nian version de la Miksa Metodo (kiun ni nomis "Miksa-Dinamika Metodo"), ĉefe per la lernolibroj "Esperanto Conversacional" (por la Baza Kurso) kaj "La Konversacia Klubo" (por la Perfektiga Kurso), ambaŭ kun nur 10 malgrandaj lecionoj.

Kaj la *rezultoj* atingitaj ŝajnis al ni sufiĉe *kontentigaj*, ĉar post la adopto de la Metodo la nombro de *rezignoj* de lernantoj fariĝis *tre malgranda*. Kaj, ĝenerale, almenaŭ *1/3* (unu triono) el la klasoj vere komencas *paroli* en Esperanto ene de nur *4* monatoj (t. e., 2 monatoj por la Baza Kurso, plus 2 monatoj por la Perfektiga Kurso, ambaŭ kun nur 2 instru-kunvenoj, de 2 horoj, por semajno).

RIM. – Tiuj lernantoj, ĝenerale, parolas sufiĉe flue – sed, kompreneble, en maniero ankoraŭ tre "simpla". Do – kiel ni ĉiam konsilas – restas al ili "legi multe" por vere kaj kiel eble plej rapide *perfektiĝi.*

3. LA "PAROLAJ EKZERCOJ" – Kiel oni povas rimarki, la *konversacio* – en ĉiuj lingvoj – implicas la regadon de nur *3* ĉefaj "kapabloj": Respondi, Demandi kaj Rakonti. Tiel, en la lernolibro "ESPERANTO CONVERSACIONAL", estas uzataj 3 *specifaj* "parolaj ekzercoj", kiuj titoliĝas, respektive: "DEMANDU", "RESPONDU" kaj "RAKONTU". Ĉefe por la trejnado de la du unuaj tipoj de ekzercoj, estas tre grava la uzo de t. n. "Kontrol-Karto" (per kiu la lernanto mem sin kontrolas, "kaŝante kaj malkaŝante", ekz-e, la *respondojn* de la ekzerco).

RIM. – Por pliaj detaloj kaj "Instrukcioj" (por instruistoj aŭ mem-lernantoj), oni – kompreneble – devus analizi la cititan lernolibron mem.

J. Salles

*1ª LECIONO*



KARLO KAJ MARIA

Karlo estas nova lernanto de Esperanto.
Ankaŭ Maria estas nova lernantino.
Ili dialogas.

KARLO: - Bonan tagon!
MARIA: - Bonan tagon!
KARLO: - Kiel vi fartas?
MARIA: - Bone! Dankon! Kaj vi?
KARLO: - Bone! Dankon!
MARIA: - Kiel vi nomiĝas?
KARLO: - Mi nomiĝas Karlo. Kaj vi?
MARIA: - Mi nomiĝas Maria. Plezuron!
KARLO: - Plezuron!
MARIA: - Bone... Nun mi devas foriri... Ĝis revido!...
KARLO: - Ĝis!...

RESPONDU

Studu por respondi sen konsulto al la teksto.(*)

1 - Ĉu Karlo estas nova lernanto de Esperanto?
- Jes, Karlo estas nova lernanto de Esperanto.

2 - Ĉu ankaŭ Maria estas nova lernantino?
- Jes, ankaŭ Maria estas nova lernantino.

3 - Ĉu ili kantas?
- Ne, ili ne kantas; ili dialogas.

4 - Kiel nomiĝas la nova lernanto de Esperanto?
- La nova lernanto de Esperanto nomiĝas Karlo.

5 - Kiel nomiĝas la nova lernantino?
- La nova lernantino nomiĝas Maria.




Karaj legantoj,

Saluton! Tie ĉi ni prezentas niajn planojn por la jaro 97/98, kelkaj el ili jam estis realigitaj, kiel ekzemple informado pri Pasporta Servo kaj la kreado de Rebato Servo, sed estas aliaj, inter ili estas reto de reprezentanto, eldonado de diversaj prospektoj, subvencio al nepagipovaj, juna konto kongresanoj kaj aliaj.

## Reto de reprezentanto de BEJO:

**Celo:** pli efike atingi la junularon pere de regionaj reprezentantoj komisiitaj de la BEJO-estraro kaj regule orientigitaj en sia agado.

**Taskoj:**
- jarfinaj raportetoj pri sia agado
- liveri novajn adresojn de kontaktindaj gejunuloj
- varbi novajn membrojn
- liveri informojn pri la junularaj okazontaj aferoj movadaj kaj ekstermovadaj
- reprezenti memstare la organizon aŭ kunreprezenti
- informi pri BEJO-agadoj al kluboj kaj individuoj en movadaj aranĝoj en la regiono de sia agadosfero
- esti speciale komisiita de la estraro por ĝin reprezenti en nemovadaj aranĝoj kiujn la estraro taksos gravaj pro la junulara e-movado. Tiucele la organizo laŭbezone pagos la elspezojn de tiu reprezentiĝo.

**Devoj:**
- reprezenti la statuton de BEJO, speciale laborante sub ties principo de neŭtraleco, ie ajn.
- la reprezentanto ne rajtas ricevi mondonacojn nome de BEJO, sed tuj kontakti la estraron, kaj informi pri la donaconto.
- la reprezentanto rajtas tamen akcepti aliĝojn, plusendante kiel eble plej rapide la aliĝilon kaj monon al BEJO. Aliflanke, ni rekomendas, ke la aliĝontoj sendu al la centra adreso de BEJO.
- reprezentanto ne rajtas transpreni aŭ fari elspezojn nome de BEJO, sen antaŭa skriba interkonsento

**Kondiĉoj:**
- membro de BEJO
- preferinde sub 30-jaroj
- plenigi aliĝilon aparte kreitan

**Rimedoj:**
- proviza materialo pri BEJO kaj pri la diskonigado de esperanto junularmedie
- laŭbezonaj cirkuleroj
- aparta kunsindo dum BJK, kiam la reprezentatoj povos diskuti pri siaj problemoj kaj solvoj (travivaĵo)
- jara renovigo de la mandato

**Subvencio al nepagipovaj junaj konto-kongresanoj:**
Oni aljuĝas difinitan sumon al homoj, kiuj petas helpon partopreni BJK-on, en sian petleteron la kandidato devas informi kiom li/ŝi bezonas kiel helpon, tiu mono celos ekskluzive entute aŭ parte subvencii: vojaĝbileton, komunan loĝejon aŭ manĝadon.
Oni konsideros prioritata la homon kiu povas alporti kontribuon al programo de BEJO: prelego, arta programero. Ju pli da programeroj proponataj, des pli altaj ŝancoj estos por la akcepto de la peto. Ĉiuj kiuj prezentos iun programan kontribuon, nepre devas kompromisi deĵori parton de la tempo en la libroservo.

**Prospektoj:**
- aperi regule Momenton (ĝi estos aperonta fine de novembro)
- Bel ambaŭlingve
- esperanto en la portugala
- Pasporta Servo ambaŭlingve (jam farita)
- kiel reprezenti BEJO
- varbado de membroj
-BEJO

**Dum BKE:**
- varbi membrojn kaj mondonacojn per afiŝoj, mondonantoj rajtos elekti la aplikadon de la mono inter kelkaj difinitaj aplikeblecoj, kontoj (ekz. ĝenerala kaso, reto de reprezentantoj, rebato-servo, pasporta servo, eldonaĵoj subvencio al nepagipovaj junaj kongresanoj, aranĝoj)
- ŝanĝo de la statuto: per aparta letero inviti la patronojn kaj protektantojn al la estrara raportkunsido dum BJK.
- skeĉo dum BJK por varbi gejunulojn kaj patronojn.

La estraro

**Pasporta Servo**

Bone karuloj, la periodo por aliĝi jam finiĝis, kaj en 98 estos 54 gastigantoj en 41 urboj, por 96/97 estis nur 39 gastigantoj, ni povas konsideri tiun kreskon kiel rezulto de la informado, sendado de prospektoj al esperantistoj de diversaj urboj kaj kompreneble la aperigo de informoj kaj novaĵoj en nia revuo Brazila Esperantisto. Bona novaĵo venis el Bolivio, nun ni havas gastiganton en Coĉabamba.
Bone, la nova eldono de PS aperos junuare, se vi interesiĝas uzi Pasporta-Servo-n tra Brazilo aŭ tra la mondo vi jam povas mendi ĝin de Brazila Esperanto Ligo.
Kaj Bonan Vojaĝon!
Ĝis

Carlos Eduardo de Oliveira

# ESPERANTO EN RADIO

Aktualigis: Marcelo Luiz brasil

*Informoj pri brazilaj radio-stacioj kiuj disaŭdigas programon en aŭ pri Esperanto.*
*(Pri la enhavo respondas la radio-stacioj mem. Skribu al koncernaj Redakcioj)*

1 - Radio-stacio Súper Brasília FM
radio-programo: Noticoj pri Esperanto Tago: Dimanĉo. Horaro (Loka): 11-a kaj duono matene (11.30 UTC). Frekvenco: 89, Mhz. Parolanto: Mário Miguel Nicola Garófalo (Direktoro). Telefon-numero: (061) 321-1313 - Fakso: (061) 321-5938. Temoj: ĝeneralaj noticoj pri esperanto el la tuta mondo. Rekta Adreso: Base da Torre de TV, Box Nº 03 - CEP 70070-300, Brasília-DF. Daŭro de la programo: 1 minuto. Parolata lingvo de la programo: Portugala. Respondeculo pri la noticoj: D-ro Roberto Vieira Resende (Faka Delegito de UEA en Brasília).
2 - Radio-stacio: Rádio Rio de Janeiro
Radio-programo: Spiritismo-Evangelio-Esperanto. Tago: Dimanĉo. Horaro (loka): La 8-a ĝis 8-a kaj dekkvin (11.00 ĝis 11.15 UTC) Frekvenco: 1400 KHz. Parolanto Affonso Borges Gallego Soares. Telefonnumero: (021) 393-6969 kaj (021) 393-5252. Temoj: Historio de Esperanto kaj ĝeneralaĵoj pri la movado; deksesregula gramatiko; teksto pri Spiritismo. Rekta adreso: Rádio Rio de Janeiro, Estrada do Dendê, 659. Ilha do Governador, Rio de Janeiro, Rj 21920-000 aŭ FEB Federação Espírita Brasileira, Av. Passos, 30 - 20051-040 Rio de Janeiro, RJ. Daŭro de la programo: 15 minutoj. Parolataj lingvoj de la programo: Portugala kaj Esperanto. Respondeculo pri la noticoj: Affonso Borges Gallego Soares (Direktoro de la Departemento de Esperanto FEB).
3 - Radio-stacio Rádio Rio de Janeiro.
Radio-programo: 110 jaroj de amo. Tago: Merkredo. Horaro (loka): 20.30 ĝis 20.55 h (23.30 ĝis 23.55 UTC). Frekvenco: 1400 KHz. Parolanto: Givanildo R. Costa. Telefon-numero: (021) 393-6969 kaj (021) 393-5252. Temoj: Informoj pri la movado de Esperanto. Rekta adreso: Rádio Rio de Janeiro, Estrada do Dendê, 659. Ilha do Governador, Rio de Janeiro, RJ 21920-000. Daŭro de la programo: 1 horo. Parolataj lingvoj de la programo: Portugala kaj Esperanto. Respondeculo pri

la noticoj: Givanildo R. Costa.
4 - Radio-stacio Rádio Clube de Sorocaba.
Radio-programo: Klubo de Esperanto. Tago: Sabato. Horaro (loka): 20:00 ĝis 21.00 h (23.00 ĝis 24.00 UTC). Frekvenco: 1080 KHz. Parolantoj: A. Celso de Oliveira kaj aliaj. Temoj: Ĝeneralaĵoj pri la movado, kulturo kaj artoj en Esperanto, tradukaĵoj. Rekta adreso: Rádio Clube de Sorocaba (Rádio CBN Clube), Av. Washington Luiz, 1200, Sorocaba, SP 18030-270. Daŭro de la programo: 1 horo. Parolataj lingvoj: Portugala kaj Esperanto. Respondeculino: Maria Cecília Caramez, Rua Chile, 1217 Sorocaba, SP 18025-380.
5 - Radio-stacio Rádio Universitária
Radio-programo: Esperanto en perspektivo. Tago: Sabato. Horaro (loka): 20.00h ĝis 20.15m (23.00 ĝis 23.15). Frekvenco: 870 KHz. Parolanto: Álvaro Luiz Rodrigues. Telefon-numero: (062) 223-9920 (Dilmá) aŭ (062) 821-1709 (Radio-stacio). Temoj: Naciaj kaj internaciaj Esperanto-noticoj, intervjuoj kaj muzikoj. Rekta adreso: Kultura Esperanto-Centro, Rua 5 nº 15 - 5.3, Centro. 74020-030 Goiânia, GO. Daŭro de la programo: 15 m. Parolataj lingvoj de la programo: Portugala kaj Esperanto. Respondeculino: Nilva Cavalcante Bandeira (KRC-Adreso)
6 - Radio-stacio Rádio Universitária - FM
Radio-programo: Esperanto en Fokuso. Tago: Dimanĉo (2-a kaj 4-a). Horaro (loka): 16.00 h. Frekvenco: 107.9 MHz. Parolanto: Souza Júnior. Telefon-numero: (085) 281-3050 (Universitato) / 281-5752 (Radio). Temoj: Movado de Esperanto, ktp. Rekta adreso: UFC-Curso de Esperanto, Rua Waldery Uchoa, 50 - Benfica, Fortaleza - CE 60020-110 aŭ Rádio Universitária - FC 107,9 "Esperanto em Foco" - A/C Souza Júnior/Adelson Sobrinho, Av. da Universidade, 2910 - Benfica. 60020-181 Fortaleza, CE. Daŭro de la programo: 1 horo. Parolataj lingvoj de la programo: Portugala kaj Esperanto. Respondeculo: Adelson Andrade Alves Sobrinho.

## Estonteco

- Infano, kion vi volas esti, kiam vi estos plenaĝa?
- Mi volas esti stultulo!
- Ho, kial?
- Sinjoro, ĉar mia patro ĉiam envie diras: "Rigardu, kian aŭtegon havas tiu stultulo". Aŭ "rigardu, kian domegon havas tiu stultulo!"

# BELARTAJ KONKURSOJ B E L

Lanĉitaj en la dua semestro 1996 kun ricevo-limtempo ĝis junio 1997 kaj diskonigo en decembro ĉi-jare, ni sciigas ke entute unu nura kandidato prezentiĝis por la branĉo "TRADUKO" (el la portugala lingvo) kaj meritis la 2-an premion laŭ la Juĝkomisiono, ne aljuĝita la unua premio. Ni bedaŭras la malentuziasmon de niaj esperantistoj kaj esperas, per efika diskonigo kaj kuraĝigo plinombrigi partoprenantojn. Tiucele ni realdonas la tekston de la kondiĉoj de "Belartaj Konkursoj BEL".
Tamen, ĝoje kaj gratule ni publikigas la tre bonan kontribuon de la venkinto FLÁVIO FONSECA, el Brasília, DF kiu premie ricevos jarabonon 1998 de la revuo FONTO.

## KOLORTRAJNO

Caetano veloso
(TREM DAS CORES)

La franĝo de l'monto oranĝkoloras, te-rozas la gres'
Mielas unike luma okulkares'
Kaj oras, apenaŭ verdas montaro, arĝentas la trajn'
La luno kaj stelo, kis' de ring' el turkis'

Rebrilas nebulo, ekfrumatenas, kundancas atom'
Infanoj granatas nove en la vagon'
Olivas la nubo plumbeciĝanta malantaŭ maten'
Kaj bluas la papersilko ĉirkaŭ la pom'

La verdaj kaj rozaj domoj pasante vidantas pasi nin
La du flankoj de l'fenestro
Kaj tie videblas fono je preskaŭ neekzistanta blu'
La blu' kiu estas pri ies memorflu'

Jen nigras hararo, klaras objektoj kaŝtanbruas lip'
Por diri pli ĝuste, lip' kolor' de tulip'
En ĉi kolortrajno, saĝas projektoj, ĉiesas muzik'
Kaj nun ĉielbluas ĉiele la ĉiel'.

Tradukis Flávio Fonseca



# Omaĝe al Ismael Gomes Braga

Se mi plej bele kantus sur la Tero,
Se mi plej lerte uzus kaj plej arte
La belsonoran lingvon de l'Espero;
Se mi la tuton konus ne nur parte
Pri via granda, nobla sinofero;

Ho, Iŝmael, vi, kiu batalanta,
Estas nia plej brava Pioniro!...
Vi, kiu kun dolĉega resopiro,
Pri glora la Pasinto memoranta,
Laboras por l'Afero nia sankta;

Vi semis, kvindekjare la ideon,
Por ke Frateco regu sur planedo;
Por festmemori vian Jubileon,
Ho, se la muzo aŭdus mian pledon,
Al vi mi verkus gloran Epopeon!...

Sed, Iŝmael, se la Natur'avara
Ne volis min provizi per talento,
Ricevis mi de mia sort'amara,
Pli dolĉan kaj pli belan sentimenton,
De dankemec' al vi, Amiko Kara!...

Ke ni daŭrigu sekvi laŭ direkto,
De vi donita ofte en diverso;
Laboron vian benu la protekto
De l'plej Sublima, Glora Arkitekto,
Subtenanto de l'tuta Universo!...

Verkis Dokito - 14-7-57




# POST OMAĜO, FROMAĜO!

Kun la bela poezio "Omaĝe al Ismael Gomes Braga" kiun nia amiko Dokito verkis kaj deklamis en 14/07/1957, venis letero de la aŭtoro, t.e. Manoel Borges dos Santos. Manoel klarigas ke tiuj omaĝaj versoj tiam aperis ĉe Kooperativo de Esperantistoj, do ĉu republikigindaj? kaj li aldonas: "...bonvolu fari tion kun viaj komentarioj... Mi tre dankas vin, ĉar al la maljunuloj kiel mi tre plaĉas rememori la agrablajn okazintaĵojn de la pasinteco".

Post la lego de tiuj diroj sparkis el mia memoro (de alia maljunulo), ĝuste ne tiom agrablaj okazintaĵoj, sed ili okazis per letero ankaŭ en 1957 (la 15-a, februaro 1957) skribe de Ismael Gomes Braga. Tiu letero pruvas, ke I.G.B. ne estis homo tiom perfekta, tiom tolerema, tiom universala, kiom oni kutime supozas. Kompreneble mi scias, (en 1957 eble mi tion ne sciis) ke Ismael G. Braga estas la granda idolo, modelo por la plimulto el la esperantistoj kaj spiritistoj de Brazilo, do mi absolute ne pretendas ŝanĝi tiun ĝeneralan koncepton kaj mi plene agnoskas la gigantan laboron kiun li faris por Esperanto. Tamen, se ekzistas aliaj facetoj en la temperamento, sinteno, persona konduto de tiu gravulo, mi pensas, ke por la bono de nia historio ili devas esti registritaj.

Jam antaŭ 1956, do de pli ol 40 jaroj, mi skribis nekonformisman artikolon (kiel ĉiam) kiu aperis en "Sennaciulo" de januaro 1957 kun la titolo "Braziliaj tipoj kaj aspektoj", kaj aliajn artikolojn por bulteno "La Objektivo" kiun mi tiutempe redaktis. El tiuj artikoloj fontis la profunda ofendiĝo, kolero, perturbo de I.G.B.

En la biografio de Zêus Wantuil eldono de FEB - 1971 paĝo 29 oni povas legi: "Dum sia tuta vivo li neniam timis diskuti aŭ polemiki kontraŭ siaj kontraŭstarantoj, se nur la temo estis Spiritismo aŭ Esperanto kaj la diskutado restadis sur alta nivelo, sen vundaj kaj ofendaj vortoj, sen personaj insultoj." La letero supre citita, adresita al mi, ankoraŭ konsultebla en miaj arkivoj, pruvas ĝuste la malon. Mi nur citos malmulton: "...mi estas serioza lernanto de Spiritismo dum vi ambaŭ, (viambaŭ estas mi kaj Lanti, fondinto de SAT) ne studas, nenion scias kaj babilas malsprite... mi skribas ofendajn vortojn nur por esti sur via nivelo... vi estas franca ŝovinisto kaj predikas universalan malamon... vi montriĝas tute senkonsekvenca, mallogika, stulta... via menso estas fermita per malamo kontraŭ la plej bela filozofio ĝis nun ekzistanta sur la Tero."

Notu ke la ĉi-supraj "belaj"taksadoj al mi, jes skribitaj de I.G.B., ne estis pro personaj kontaktoj aŭ diskutoj sed nur simplaj artikoloj. Kiel ĉiuj scias, en ĵurnalismo, tiu kiu ne povas esti en akordo kun artikolo rajtas ĝin rebati aŭ kontraŭstari. I.G.B. tion klopodis fari, verŝajne per esprimo de propra malamo, propra ŝovinismo, propra plenverismo, ĉar la tiama redaktoro de "Sennaciulo" - N. Barthelmess informis min ke la respondo, rebato de I.G.B. ne havis



publikigeblajn argumentojn kaj faktojn. Kiel dirite tio okazis antaŭ 40 jaroj. Neniu estas posedanto de la vero, nek mi, nek I.G.B., nek iu ajn. En ĵurnalismo validas nur faktoj, realaĵoj, okazaĵoj, ne simplaj interpretoj aŭ personaj fantaziaĵoj... malamo, ofendo, insulto ks. ne povas pravige, defende helpi precipe ne al idolo kiel I.G.B.

Tre amuzis min la radikaleco kaj ŝovinismo de I.G.B. en la libreto "Esperantismo" kun la artikolo "La malpermeso" kiu aperis en 1942 kiam Getúlio Vargas malpermesis "ĉiujn eksterlandajn lingvojn krom la portugala." Li naciisme provis klarigi: "La esperantistoj ricevis kun granda entuziasmo tiun novan leĝon..." - kaj lia radikaleco kaj maltoleremo tiel egocentrisme esprimiĝas: "Ni nur deziras, ke ĉiuj registaroj en la mondo kiel eble plej frue malpermesu la uzadon de fremdaj lingvoj, por ke nia ideo rapide triumfu." Ni, evidente estis Ismael Gomes Braga.

Ĉu ne strangaj manieroj atingi triumfojn, karaj legantoj de "Brazila Esperantisto", kara Manoel Borges dos Santos? Tial, post omaĝo, fromaĝo!

Gilbert Ledon

P.S. Omaĝo povas esti, diras PIV, respekta promeso de fidela submetiĝo, farita de vasalo al feŭdestro aŭ honora respekto, esprimata al iu (feŭdestro). Fromaĝo estas tute simple, manĝaĵo farita el kazeigita lakto... aŭ eble el malfacile gluteblaj konceptoj kun acideco de l'kazeo!



# HUMURO

## Logiko de sportisto

Kuracisto kontrolas la temperaturon de malsana sportisto:

- Ho, vi atingis 40 gradojn!

La sportisto reagas tuj: - Diru, doktoro, kia estas la rekordo?

# REAGO

## "Ŝorbetoj" kaj "Rio-de-Ĵanejrianinetoj?

"P.I.V. jam survojas al respektinda tridekjareco kaj dum tiu tempo, longa por ankoraŭ relative juna kultura movado kiel la esperantista, ĝi, inter multe da aliaj bonefikoj, nepre nivelaltigis la uzon de nia lingvo, ebligante al pli vasta gamo da adeptoj paroli, skribi, verki pli unuece, bonstile, laŭ plej fidindaj modeloj de esprimoj. Kiel ĉia homa verko, ĝi ne povis ne prezenti mankojn, kiuj tamen tute ne kompromitis ĝian grandiozan rolon.

Sed malgraŭ la multaj kritikoj, pravaj aŭ senpravaj, blindaj aŭ kriteriaj, kleraj aŭ stultaj, unu afero tamen superregis la ĝeneralan, diverskonsistan reagon de la esperantista familio: la grandega plimulto bonvenigis la aperon de tiel grava, oportuna laborilo, kiun plejado da kompetentaj, agemaj, sindonaj eminentuloj konkretigis sub la aŭspicioj de ne malpli merita organizo kiel S.A.T.

Miaopinie la samo okazos, laŭ la ĝustaj proporcioj, ĉe la ĵusa apero de la "Dicionário Completo Esperanto-Português", kompilita de A. K. Afonso Costa kaj eldonita de FEB. Kiel unuan publikan reagon ĝi renkontas la kritikon de aŭtoritata voĉo, kies manko-serĉa esploro rezultigis la artikolon "Ŝorbetoj" kaj "Rio-de-ĵanejrianinetoj" (Brazila Esperantisto, n-ro 299, Junio/97). Eble multaj aliaj ankoraŭ venos, se konsideri la potencan altirforton, kiun faroj efikas sur kritikoj.

La duan publikan reagon mi mem volas premieri, kaj ĝi certe esprimas la senton de la plimulto el la uzantoj de Esperanto en nia lando, kiuj, kvankam bonvenigante ĉian konsciencan kritikon, tamen ankaŭ forte, tutkore dankas la sinoferan laboron de S-ano A. K. Afonso Costa kaj la ne malpli idealisman investon de FEB por aperigo de la nova vortaro, nome ankaŭ por la bono de Esperanto. Danku, portugallingvaninetoj!"

Affonso Borges Gallego Soares
Dumviva Membro de BEL kaj UEA



# La Rolo de la juro en la Homa Societo.

Por kompreni la gravecon de la juro en la homa societo,ni bezonas studi ĝin almenaŭ dum la prapasinteco kaj nur tiamaniere ni sukcesos kompreni ĝian evoluon.

Tiel, ni nin raportos al kelkaj aspektoj de la origino de la rajto de la popoloj.

La jura konscienco de la mondo, similas grandan arbon el kies branĉoj floras la rajto, kiu siatempe ŝajnas la plej bona kaj efika afero, almenaŭ por la regantoj.



La rajto de la popoloj valoras ekzakte por la epoko de ĝia konceptado: absurda, dogma, rigida aŭ liberala ĝi spegulas, tamen, la aspirojn kaj konkerojn de milionoj da personoj.

Tiuj rajtoj estas kodigitaj kaj la plej konataj obeas la sekvantan ordon:

I)- Mosea leĝaro,

II)- Jurkodo de Hamurabi,

III)- Jurkodo de Manu

IV)- La Leĝo de la Dekdu Tabuloj

V)- La Korano,

VI)- La Deklaracio de la Homaj kaj Civitanaj Rajtoj kaj

VII)- De Deliktoj kaj la Punoj.

Studante la aferon ni konstatas, ke el la fundamentaj rajtoj de la homaro, bedaŭrinde, nur du, ne estis "inspiritaj de la dioj" aŭ aprobitaj de regnestro. La unua estas la Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj la alia naskiĝis de la menso de juna kriminalisto, la markizo, Cezare Bonesana de Beccaria kaj estis sankciita de la tuta civilizata mondo. Tial, oni vidu:-

Observante la normojn starigitajn de Moseo, oni konkludas ke ili estas plenaj de religia sento. Ekzemple, estis li kiu determinis la semajnan ripozon dirante:-"Gardu la sabaton kaj santigu ĝin laŭ ordonis Dio, via Sinjoro, kaj daŭrigas: Dum ses tagoj vi laboros kaj realigos tutan vian verkon, sed la sepa tago, tiu estas de via Dio. Kaj ĉiuj aliaj ordonoj similas la unuajn.

II)-En la libro "La Origino de la Rajtoj de la popoloj"oni trovas ke, Hamurabi ricevis de la dio Schamasch la 282 artikolojn de la mezopotamia kodo. La nomata Kodo Hamurabi.

III)-La jurkodo de Manu samkiel tiu de Moseo sin titolas inspirita de Brama, la ido de la Superega Dio;

IV)-Malgraŭ la religia karaktero, la Leĝo de la Dekdu Tabuloj, pri la rajto de la familio ne estas tiel homeca kaj komenciĝas tiamaniere:a)-Ke la monstronaskita filo estu tuj mortigita;

b)-Ke la patro havu pri la filo la rajton pri vivo kaj morto.

Nur per tiuj du artikoloj ni konkludas, ke ili ne kongruas eĉ kun niaj ankoraŭ malperfektaj sed pli bonaj normoj.

V)-Pri la Korano, ankoraŭ hodiaŭ ĝiaj normoj baziĝas multe pli en la religio ol en juro.

VI)-Sed en la Declaracio pri la Homaj Rajtoj ni jam observas grandan progreson en la marŝo de la homaro;

VII)-Sed estis la dekoka jarcento kiu havis la privilegion esti la epoko kiu naskis grandajn filozofojn kaj pensulojn. De kies cerboj ĝermis la grandaj socialaj reformoj. Inter tiuj pensuloj elstaras Rousseau, Voltaire, Montesquieu kaj ĉefe Beccaria, kies verko De Deliktoj kaj la Punoj per siaj homecaj repostuloj pli influis kaj ĝis hodiaŭ influas pri la rajtoj de la popoloj.

Kvankam la celo de la juro estas la protekto de la malfortaj antaŭ la fortuloj bedaŭrinde preskaŭ ĉiam, en la nuntempa socio la forto de la privilegioj sukcesas anstataŭ la forto de la rajto.

Sed la mondo fariĝis alia post la XVIII jarcento kaj la spegulo de la politiko, estis Francujo, kies reĝoj supozis ke ili ricevis la kronon, simbolon de la povo, de la propra Dio,pro tio, dum longa período la reĝo povis uzi laŭ sia volo la rentojn de la Ŝtato, ĉar li kredis, ke se li ricevis la povon de Dio, li nur havis kalkulon kun Dio. Tio naskis grandan malkontentigon kaj fariĝis la ĝermo de la revolucio.

Tiamaniere la Franca Revolucio de 1789 estis kaj estas ankoraŭ la plej admirinda ekzemplo de popola reago kontraŭ la premego. Sed ĝi ne ekzistus se ne estus la forto de la ideoj naskitaj de la cerboj de la filozofoj, Rousseau per la Sociala Kontrakto, Voltaire, per la Traktato de la Toleremo kaj Montesquieu per la Spirito de la Leĝoj. Mia opinie la mondo estas dividita nur en du epokoj, antaŭ kaj post la Franca Revolucio. Tamen, bedaŭrinde la sama premita klaso de tiu epoko, la burĝa, fariĝis hodiaŭ tiel premanta kiel estis la pastraro kaj la nobelaro de la XVIII jarcento.

Kaj la hodiaŭa observanto, antaŭ la ĝenerala malkontentigo kontraŭ la privilegiitaj klasoj deveningtaj de la burĝeco, atendas nur la aperon de novaj pensuloj kaj revoluciuloj kapablaj veki la dormantan popolon por starigi novan kaj pli justan Socialan Ordon.

Osvaldo Pires de Holanda.

El Kulturkunveno ĉe EASP

Departemento pri Informado: GAZETO DE LA LEĜA ĈAMBRO DE FEDERACIA DISTRIKTO
La 20-an de Novembro 1997. Propono Nº 3301/1997 - Unuanime Aprobita (Fare de Deputito Renato Rainha). Prezentas laŭd-salutojn al la ĵurnalisto Mário Garófalo, de Brasília Super Rádio FM, pro lia apogo al la esperantista movado. Oni klarigas kio estas Esperanto kaj eĉ mencias la horaron de la programo "Noticoj pri esperanto", ĉiudimanĉe je la 11:30 h. Ni sugestas ke oni prezentu dankesprimojn al:

- Deputito Renato Rainha *(pro la propono)*
  Câmara Legislativa do DF
  SAIN - Parque Rural
  BR-70086-900 Brasília, DF
  Tel.: +55 61 348-8072 Fakso: +55 61 348-8073
  mailto: "Renato Rainha" <gui777@nutecnet.com.br>

- Sra. Lucia Carvalho *(pro la unuanima aprobo)*
  DD. Presidente da Câmara Legislativa do D.F.
  SAIN - Parque Rural
  BR-70086-900 Brasília, DF

- Sr. Mário Garófalo *(pro la merito)*
  Brasília Super Rádio FM
  Torre de TV - Box 3
  BR70070-300 Brasília, DF
  Tel.: +55 61 321-1313 Fakso: +55 61 226-2921
  mailto: "Garofalo" <superfm@tba.com.br
  http://www.geocities.com/Vienna/7389/




*NOTO: La programo ekzistas jam de pli ol 10 jaroj sub redakto de Roberto Resende, BEL-komisiito pri Informado.*

BONVOLU SENDI DANKESPRIMOJN
Senatano Casildo Maldaner favore menciis Esperanton dum sia parolado antaŭ la pleno de la Brazila Senato, la 3-an de Novembro. La parolado estis publikigita en la Gazeto de Federacia Senato la 4-an de Novembro je la paĝo 23735. La retadreso de Senatano Maldaner estas: mailto: casmalder@senador,senado.gov.br.

BEL-ALIĜILO 1998: La membroj jam ricevis la koncernan aliĝilon kiu entenas kategoriojn de individua Membro, Familia Membro, Studenta Membro, Kunlabora Membro, Dumviva Membro, Simpla Membro Asocia. Por ricevi donace "JUNA AMIKO-n" la aliĝo devas okazis ĝis 31/03/98.
Samtempe eblas membriĝi al UEA en kategorioj MG, MJ, MJT, MA, MAT, DM. La abonoj al ĵurnaloj kaj revuoj, en nombro de 31, por BEL-membroj, havas rabaton de 10%. Ni antaŭdankas kontribuon por Fondaĵoj Almada kaj Brazila Esperantisto.

BEL EN CEARAO
BEL-Prezidantino, Symilde S. Ledon ĉeestis la elstaran eventon (28-30/11/97), organizita de Cearaa Esperanto-Asocio kiu konsistis el la XI-a Laborkunsido de E-asocioj, IV-a Nordorienta E-Renkontiĝo kaj I-a Cearaa E-Renkontiĝo ĉe la Domo José de Alencar, ĉarma kaj plaĉa bieno. La prezidantino estis intervjuita de TV Globo, Kanalo 10 dum la programo "Bonan Tagon, Cearao", la 28-an/11/97 kaj samtage estis aŭdience akceptita de la Sekretariino de Turismo en la Gubernìestra Palaco Cambela, por pritrakti eventualan okazigon de UK-2000 en la Centro de Konvencioj. Krom laborkunsindoj, prelegoj kaj kursoj estis prezento de la teatraĵo "La Maristo" de Fernando Pessoa, tradukita de la teatro-direktoro kaj aktoro Karlo Kardozo. Ankaŭ Tarcísio Lima, nia kvarfojen de UEA premiita artisto, bele ĝojigis la eventon. Elstariĝis la lanĉo de la dua eldono de la verko "Iracema" de José de Alencar, traduko de Prof. Benedicto Silva, ŝulde al Prof. Antônio Filho kaj Associação Klaus Nóbrega, kies helpo ebligis ĝian aperon kiel memoraĵo de la esperanto-aranĝoj apogitaj de esperanto-kurso de Federacia Universitato de Cearao kaj Cearaa Esperanto-Asocio, okazintaj ĉe domo José de Alencar, en novembro 1997.

# EVENTOJ-KALENDARO

## ZAMENHOFA FESTO

Okazis la 13-an/12/97 ĉe Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (nova telefono: 011-3862-1183), kiam enposteniĝis nova estraro: Prezidanto: Ivon Barbosa, Vic-Prezidanto: Audino Castelo Branco, 1-a Sekretariino: Aparecida de Lurdes de Lucas, 2-a Sekretariino: Aparecida de Souza Araújo, Kasisto: José Martins Coelho. Konsilantoj: Gilbert René Ledon, Osvaldo Pires de Holanda, Symilde Schenk Ledon.

3-A SEMAJNO SPIRITISTA ESPERANTISTA de Duque de Caxias, RJ-RJ 8-13/12/97. Prelegoj: Esperanto Kunligilo inter Popoloj, Kio estas Esperanto, esperanto - Vojo al Paco, Esperanto en la Praktiko, Spiritistaj Esperantistoj.

31-a SUDPARAIBA RENKONTIĜO DE E-o.
Em Campos do Jordão, SP - 8/2/98 (Caixa Postal 269 - 12460-000 Campos do Jordão, SP).

1-a SUDORIENTA E-RENKONTIĜO
30/04/98-03/05/98 RIO DE JANEIRO, RJ. Ŝtatoj ES, MG, RJ, SP. Temo: "Defio de Tutmondigo"
aerj@infolink.com.br

# EVENTOJ INTERNACIE

82-a BRITA KONGRESO DE ESPERANTO
10-13/04/98 Chester, Britio - Ian Mac Dozall (BK)
40 Danehurst Road, Zallasey L45 3JJ Britio.

KULTURA SEMAJNFINO PRI ELDONADO
29/06-01/07/98 Antwerpen. Informoj: Flandra E-Ligo, Frankrijklei 140 - B-2000 Antwerpen.

4-a KOLOMBIA KONGRESO DE E-o
Novembro, 98: Restrepo-Rivas
kongreso@esperanto-kolombio.org

KULTURA CENTRO ESPERANTISTA
(ĉe la domparo) Postiers 27 - CP 311
CH-2301 La Chaux-de-Fonds (Svislando)
Someraj Programoj en 1998
Temoj: Kurso enkonduka al jogo (14-19/07/98)
Problemoj de Interkultura komunikado (21-26/07/98)
Speciala turismo kaj lingvo (re)lerna programo (28-30/07/98)
1-a Forumo por la Esperanta Civito (09-10/08/98)
1-a PIK - Plurnivela Internacia Kursaro (12-18/08/98)




## MEMORIGA STAMPILO OMAĜE AL ESPERANTO KAJ "TROFEO GOIÂNIA 97"

"Kultura Esperanto-Centro-KEC de Goiânia kaj Regiona Direktoraro de la Poŝtoj en Goiaso kaj Tokantinso kaj Filatela Klubo Esperantista CECOF solene lanĉis Memorigan Poŝtstampilon omaĝe al Esperanto, dum festo de la 8-a Ekspozicio Filatela Junula de Brazilo-Goiânia'97, la 16-an/11/97 ĉe la Kultura Spaco de la Poŝtoj. Specialaj omaĝoj: "Trofeo Goiânia 97", Honoro je Merito, al D-ro Carlos Lima Melo (Homeopatia Kuracisto, GO), aŭtoro de "Natura Metodo de Esperanto" donacita al KEC.

D-ro Roberto Vieira Resende (Dentkuracisto, Brasília-DF), Prezidanto de la Sekcio Dentkuracarta de la Universala Medicina Esperanto-Asocio, Kunordiganto de la Radioprogramo "Esperantaj Noticoj" ĉe Brasília Superradio FM, Komisiita Direktoro pri informado de BEL, Aŭtoro de la softvaro "Inf-Esp" (Kurso kaj informoj pri Esperanto). Frederico Pinto Cedro (86 jaraĝa, GO) Senlaca semisto de la esperantista idealo por adoltoj kaj junuloj, estante ankoraŭ treege agema.

Majoro Gilberto A. da Silva Velho (86 jaraĝa, Caçapava, SP) Eldonisto de la Ĵurnalo "Esperanto-Noticoj", ekde 15 jaroj seninterrompe.

Wilmar AntônioAlves, Direktoro de la Universitata Radio kiu disvastigas Esperanton pere de du programoj, po 30 minutoj, sabate dimanĉe.

## GEA-NOVA ESTRARO

Por la periodo 1997/1999;

ESTRARO: Prezidanto - Ivo Sanguinetti, Vic-Prezidanto - Manoel Torres Abreu, 1-a Sekretario - Jorge André Fauth, 2-a Sekretario - Lygia de Maria Ferreira, Kasisto - Hilda Pinto. KONSILANTARO: Konsilantoj (elektitaj) - Julinha Zoraide Feijó Pereira, Evandro G. dos Santos, Henrique E. P. Ferreira. Konsilantoj (dumvivaj) - Lucida D. Fernandes, Reinaldo Zaghetto, César Dorneles Soares, Ivo Sanguinetti.

## PREMIO "LA VERKO DE LA JARO" REVENAS POST DEKJARA PAŬZO

Kooperativo de Literatura Foiro restarigis la premion "La Verko de la Jaro" por originalaj beletraĵoj, kiu estis atribuita sesfoje inter 1976 kaj 1987. Voĉdone atribuos la premion ĉiujare, alterne al poeziaj kaj prozaj verkoj, abonantoj de Literatura Foiro, al titoloj proponitaj de almenaŭ tri membroj de Esperanta PEN-Centro. Premio "La Verko de la Jaro"okupiĝas nur pri beletro kaj la originaleco en E-o estas strikta antaŭkondiĉo. Por 1998 kandidatos nur poeziaj titoloj surmerkatigitaj en 1996-1997, por 1999 nur prozaj verkoj surmerkatigitaj en 1997-98, kaj tiel plu sinsekve. La premiado okazos en Internacia Literatura Forumo, ĉiusomera aranĝo de L. F. - koop.

## INTERNACIA AGRIKULTURA ESPERANTO-ASOCIO

IAEA estis fondita en la fino de 1996. IAEA eldonas la sciencan organon "Internacia Agrikulturo" kun 20 paĝoj kaj 3-4 numeroj jare. La organo "Internacia Agrikulturo" bezonas sciencajn artikolojn pri agrikulturo, hortikulturo, arbarkulturo kaj rilataj sciencoj, eĉ kampara turismo. Nuntempe IAEA bezonas ankaŭ sciencajn manuskriptojn pri la menciitaj fakoj celante eldoni specialajn librojn. Bv. peti detalan informon kaj provekzempleron de "Internacia Agrikulturo" kontraŭ 2 USD (enmetu monbiletojn en kovertoj) ĉe: sekretario kaj kasisto de IAEA, Huang Yinbao, Jingchuan Xian Kezei, CN-744300, Gansu, Ĉinio.

## GRATULON AL NOVA E-HOTELO EN TEJUANO, ĈINIO

Nova hotelo ESPERANTO en la ĉefurbo de Sansi-Provinco, norda Ĉinio, esta investita de konata esperantisto WANG Qinglon en la ĉina Esperantujo. Li postulas al la gedungitoj lerni Esperanton. Sed nun mankas taŭga E-instruant(in) 0. Se iu juna volas instrui kaj deziras plenumi internacian taskon por la hotelo, la kunlaboro en la turismo kaj komerco, estas sincere bonvena. Kontaktu s-ron WANG Qinglon. Adreso: PINGYAN HOTELO ESPERANTO, Pingyang-lu 293 hao, CN-030006 Taiyuan, Ĉinio.

## UZO DE ANGLALINGVO KIEL INSTRUADLINGVO ESTAS MALPERMESITA EN HONGKONGO

Ĝis nun la angla lingvo estas instruadlingvo en lernejoj en Hongkongo. Sed, la nova Hongkonga registaro sub Ĉinio, anoncis en la 26-a de Septembro ke ekde venonta jaro ĉiuj mezlernejoj, lernejoj, escepte de lernejoj por alilandanoj, devas uzi ĉinan lingvon kiel instruadlingvo. La estro de Edukadburoo diris ke tiuj lernejoj kiuj ne sekvas la ordonon ne ricevos ŝtatan subvencion, kaj estos punita kun monpuno aŭ lernejestroj estos eĉ arestitaj. Laŭ la ordono, ekde la venonta jaro, almenaŭ unu modela studobjekto por studentoj, 12 jaraĝaj aŭ malpli junaj, estos instruita en ĉina lingvo en ĉiu mezlernejo, kaj la deviga studaĝo laŭgrade altiĝos. La registaro ne ŝatis la fakton ke la plej multo de mezlernejaj studentoj parolas "Ĉingliŝ" (ĉina-angla lingvo).
*Prof. LEE Chong-Yeong.*

## "NOVA LEĜO"

"Roberto Resende, Komisiisto pri informado de BEL <rrsebde@brnet.com.br>
EKDE NUN: Estas konsilinde, ke ĉiu afiŝo pri Esperanto havu oreletojn disŝireblajn. Tiamaniere la preterpasanto eĉ ne bezonas skribilon. Li deprenos la oreleton, kaj poste esploros la aferon. Ĝi devos havi kontakt-telefonon (kaj/aŭ adreson). Krom, devige, Internet-adreson aŭ de la landa E-Asocio aŭ de la plurlingva E-paĝo: <httpt// esperanto.net> Jen modelo: (kompreneble la afiŝo devos esti pli granda, kaj la oreletoj iom malpli grandaj)

| | |
|---|---|
| KURSO DE ESPERANTO | Tel.: (000) 000-0000<br>Internet:<br>http://www...<br>http://esperanto.net |
| LOKO:<br>DATO: | Tel.: (000) 000-0000<br>Internet:<br>http://www...<br>http://esperanto.net |
| HORO:<br>KONTAKT-ADRESO: | Tel.: (000) 000-0000<br>Internet:<br>http://www...<br>http://esperanto.net |
| TELEFONO: | Tel.: (000) 000-0000<br>Internet:<br>http://www...<br>http://esperanto.net |
| INTERNET-ADRESO: | Tel.: (000) 000-0000<br>Internet:<br>http://www...<br>http://esperanto.net |

Detranĉeblaj oreletoj

## KORESPONDI DEZIRAS

Sub la gvido de Marcia de Castro Soares, Rua Ademar de Barros, 336 - Solemar, BR 11709-200 PRAIA GRANDE, SP - grupo de 4 freŝbakitaj geesperantistoj, 30-35 jaraj deziras korespondi en la tuta mondo. Ĉiuj ricevos respondon. Retadreso: <soares@praiagrande.com.br>

LA KNABO FRENEZETA Ziraldo













ELDONEJO MELHORAMENTOS
BALDAŬ LANĈOS "LA KNABO FRENEZETA"
Traduko de Kristoĉjo

# 4-a TUTAMERIKA KONGRESO DE ESPERANTO

Bogoto, Kolombio, 27-a/01 ĝis 3-a/02/1999
Temo: Esperanto kaj la tria jarmilo", Urbo: Bogoto, Kongresejo: Winston Salem School, Calle 152, nº 25-00, Korespondadreso: Apartado Postal nº 54800 Santafé de Bogotá. Kongreskotizo: 1.Ĝis la fino de Decembro,97 US$ 50 2. Ĝis la fino de Junio 98 - US$ 70.3. Ĝis januaro; 99 US$90. Aliĝontoj dum la UK en Montpeliero pagos la Kotizon 2. Kunulino kaj infanoj rajtas rabaton de 20%. Krom la partopreno, la aliĝo inkluzivas turisman rondiron tra la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj.

# AERĴ

Prelegoj: Oktobro, 11: "Ĉu alopatio aŭ homeopatio?" Paulo S. Viana. Oktobro, 14: Danke al la samideano Luiz Carlos dos Santos, Esperanto enteniĝis dum la semajno de kulturo ĉi-jare en la Kolegio Pedro II, kiam prelegis Paulo Carvalho, Aloisio Sartorato kaj Givanildo R. Costa.Novembro,1: "Schubert 200-jara"A. Aragón.

# JOÃO PESSOA ESPERANTO KLUBO

ESPERANTISTO DONACAS LIBROJN
AL ŜTATA BIBLIOTEKO: JPEK donacis al la ŝtata Biblioteko Juarez da Gama Batista, en la ĉefurbo de Paraibo, diversajn librojn kaj periodaĵojn esperantlingvajn, krom kelkaj libroj pri tiu temo. Per tiu donaco, ĝia libro-provizo enhavas nun fakajn librojn pri la afero esperanto, kies manko estis antaŭe rimarkata de lokaj esperantistoj, kiuj frekventas tiun legspacon. La donacitaj libroj, krom tiuj pruntedonitaj de esperantistoj, aldoniĝos al ekspozicieto, kiu restis malfermata, dum la tuta oktobro, al vizitantoj kaj frekventantoj de tiu biblioteko, kiu apartenas al la Ŝtata Fondaĵo Kultura Spaco José Lins do Rego.Tiu arangô de João Pessoa Esperanto-Klubo estas ĝia kontribuo al la Ago Tago, kiun esperantistoj festas en 4-a de oktobro, tra la tuta mondo. En tiu tago, laŭ rekomendo de UEA, ĉiu esperantisto estas stimulata aranĝi agon, eĉ la plej ordinaran, en sia urbo,cele al pli intensa divastigado de nia lingvo.

# NEKROLOGO

**S-ro Manoel Nery** (26/05/1913 - 01/09/1997) spiritisto esperantista tre konata en la brazila medio forestis dum 20 jaroj de João Pessoa. Antaŭ tio li fariĝas proprietulo de sekundara lernejo kie dum dek jaroj li tenis E-kursojn per stimuloj al la lernado de la Internacia lingvo. Danke al tiu iniciato ekzistas centoj da personoj en João Pessoa kiuj eklernis Esperanton dum tiuj studoj. Antaŭ morti li tradukis esperanten la verkon PAULO DE TARSO, de Huberto Hoeder, ĝis nun ne publikigita.

# RESPONDOJ DE KVIZO(PAĜO 9)

01.Ĝi okazis en 1918, kiam funkciis kursoj ĉe pli ol 20 lernejoj, vizitataj de pli ol 600 gelernantoj. La E-lecionoj estis donataj tuj post la aliaj, de la 15-ĝis la 16-a horo. La plinombriĝo de la lernantaro kaj la malebleco konstruigi pli da lernejoj devigis la administrantaron starigi la du lernotempojn, kio igis tre malfacila daŭrigi la E-kursojn. Nun kiam la nova brazila leĝo pri edukado revenigas la temon de 8-horaj lernejoj ĉu revenas al E-o la ŝanco populariĝi? Jen koncerna teksto de la nova leĝo: "Leĝo de Normoj kaj Bazoj de la Nacia Edukado. Leĝo nº 9394/96: Art. 34 La lerneja tago de la fundamenta instruado inkludos minimume kvar horojn de efektiva laboro enklase, kun sinsekva pligravigo de la restado-periodo en la lernejo. § 1-a. Estas esceptoj la kazoj de vespera instruado kaj de la alternativaj formoj de organizado rajtigitaj en tiu ĉi Leĝo. § 2-a. La fundamenta instruado estos donata progresive al tuttempo, laŭ kriterio de la instruadsistemoj.

02. Per senpaga telegrafado al la estraro pri la kunveno kaj senpaga veturado al la kongresoj de tiuj kiuj sin direktis al la kongreslokoj ekster la ĉefurbo.

03. En 1933, 20 poŝtkartoj. Pro la sukceso,la sekvan jaron ĝi eldonis aliajn 39 diversajn pecojn.

# DEZIRAS KORESPONDI

La ŝtata instruisto de Esperanto Valerij Malihin, el Krasnojarsk, Siberio, Rusio sendis la suban liston de 8 gekorespondemuloj kiuj volonte korespondos kun geesperantistoj de Brazilo:

1 - Aleksandr Krivoŝapkin
ul. 9 Maja 38-173
Krasnojarsk, Rusio
(12-jara knabo, pri sporto: piedpilko, vojaĝoj, bildkartoj, monbiletoj).

2 - Konstantin Botalov
pr: Komsomolskij 13-52
Krasnojarsk, Rusio
(12-jara knabo, pri vojaĝoj, reklamaj prospektoj, muziko, kalandaretoj).

3 - Uljana Usaĉova
ul. Jastinskaja, 8-72
Krasnojarsk, 660131, Rusio
(13-jara knabino, pri diversaj landoj de la mondo, bildkartoj, maĉgumetoj, sporto).

4 - Irina Sirih
ul: Sudostroitelnaja 175-152
Krasnojarsk, 660012, Rusio
(14-jara knabino, pri ĉiuj temoj, bildkartoj, muziko, sporto).

5 - Pavel Kolesnikov
ul. Matrosova 12-27
Krasnojarsk, 660016, Rusio
(14-jara knabo, pri muziko, literaturo, bildkartoj, arto, vojaĝoj).

6 - Jekaterina Belkova
pr. Krasnojarskij raboĉij 191-41
Krasnojarsk, 660064, Rusio
(13-jara knabino, pri sporto, dancoj, kalendaretoj, muziko, amo, modo).

7 - Viktoria Ustjugova
ul. Partizana ĵeleznjaka 50-83
Krasnojarsk, 660005, Rusio
(14-jara knabino, pri sporto: ĵudo, bildkartoj, moneroj, geografio).

8 - Natalia Haritonova
ul. Matrosova 3-15
Krasnojarsk, 660093, Rusio
(13-jara knabino, pri bestoj, maraj konkoj, turismo, bildkartoj, kalendaretoj).

POR KOMENCANTOJ:
Kontakti F-inon A. Bayard
53, B.ld Lepoivre
"P-101"
FR-62-710 Courrières - FRANCIO

La urbestro estas ankaŭ Esperantisto. Ili malfermis kurson en novembro kaj deziras adresojn de kelkaj geesperantistoj, eĉ komencantoj kiuj akceptus korespondadi kun iliaj estontaj gelernantoj.

*Saluton! Mi antaŭ nelonge finis korespond-kurson pri E-°, kaj mi deziras korespondi kun alia Esperantisto de via lando. Mi estas 28-jara fraŭlo, kaj mi loĝas en la Ora Marbordo, kiu estas populara turisma regiono, 100 kilometrojn sude de Brisbano, la ĉefurbo de Kvinslando. La Ora Marbordo estas fama pro la plaĝoj, la golfludejoj, la subtropikaj arbaroj, la hoteloj, kaj la amuzejoj. Miaj hobioj estas aŭskulti al mallong-onda radio (Voĉo de Usono, Brita Disaŭdiga Servo, ktp., uzi IBM-komputilon; legi nefikciajn librojn, kaj genealogio, kaj mia plej juna fratino kolektas poŝtmarkojn. Mi estas membro de UEA, la Aŭstralia E-Asocio kaj la E-Federacio de Kvislando. Mi deziras korespondi per ordinara poŝto kun iu, kiu estas inter 16-jara ĝis 35-jara, kaj mi ne volas uzi la Anglan. Mi ne povas doni monon, nek helpi enmigri, nek edziĝi, nek laborserĉi, ĉar mi estas malriĉa senlaborulo.*

***Kevin A. Robb***
*139 Mattocks Road*
*STEPHENS ALD 4227*
*AŬSTRALIO*

## NACIO PAROLI AL NACIO

Internacia Eastleigh Esperanto-Plano

Celo: Diskonigo de Esperanto pere de unu aŭ du leteroj al urboj kaj urbegoj, monate. La subtenantoj nombras 143 el 18 landoj, escepte de Brazilo. Por detaloj bv. kontakti:
Sid Packard
(Honora Sekretario de IEEP)
8 Locksley Road - EASTLEIGH
S050 5DS - ANGLIO

## AGO-TAGO EN BRAZILO

- Taguatinga Esperanto-Klubo, Brazilio-DF inaŭguris ekspozicion ĵaŭdon en Bibloteko Machado de Assis. Prelegis D-ro Lício Castro. Ankaŭ okazis ekspozicio en la Biblioteko "Machado de Assis" ĉe Industria Lernejo -En la sama dato oni ankaŭ inaŭguris E-kurson ĉe la ŝtata universitato de Feira de Santana. La kurso estas rezulto de la intereso vekita pro la elekto de Salvadoro, ĉefurbo de ŝtato Bahia, kiel la sidejo de la venontjara Brazila Kongreso de Esperanto. La respondeculo pri la Kurso estas Profesoro Josenilton Nascimento, prezidanto de la LKK. - En la urbo Braziljo, la Lingva Centro de Eduka Fondaĵo, kie Esperanto estas laŭleĝe instruata, okazis Solena Sesio en la ĉefa aŭditorio je la 7-a horo ptm. Aŭtoritatuloj salutis la esperantistaron kaj Grupo Nova erao prezentis esperantajn kanzonojn. En "Liberty Mall" okazis E-ekspozicio kaj samloke, vespere, la geesperantistoj de la regiono kuniĝis por la vespermanĝo.

# REAGO AL REAGO

## ESPERANTO ESTAS TROMPO

En BE n-ro 298 S-ino May Bijleveld skribas pri la spiritisma afero en Esperantio. Mi kiu jam multe suferis (kaj suferadas pri tio ŝatus aldoni, ke ne nur la esperantistoj deklaras sian religion, sed eĉ la spiritistoj kiuj nenion konas pri Esperanto ŝatas informi pri la lingvo. Ili tuj diras ke la spiritistoj helpas Esperanton, ke la Spiritisma Federacio estas tiu kiu pli da E-libroj eldonas, ke ili jam publikigis pli ol 30 titolojn en E-o, ktp. Nu, kio estas 30 aŭ 50 titoloj por lingvo en kiu publikiĝas inter 10 kaj 15 novaj titoloj ĉiumonate? 30 aŭ 50 titoloj esta akvoguto en grandega lago.

Mia frato estas instruisto en komputila firmao. Kiam li parolas pri Internet kaj monda globigado, li ĉiam mencias E-on. Antaŭ monato, kiam li instruis pri Internet, li montris E-paĝon. Fraŭlino kiu partoprenis la kurson tuj ekkris, kaj komencis klarigi al ĉiuj ke Esperanto estas la lingvo kiu purigas la homojn, ktp.

Mia frato volis daŭrigi la lecionon, sed ŝi ne permesis, ŝi daŭre paroladis pri la puriga lingvo. La gelernantoj furioziĝis kaj pri ŝi kaj pri mia frato, kiu finfine komencis la aferon pri tiu lingvo.

Post estrara kunveno, direktoro petis al mia frato ne plu mencii Esperanton antaŭ gelernantoj...

Antaŭ du jaroj, mi iniciatis, subvenciis kaj deĵoradis en E-ekspozicio en la plej granda aĉeto-centro en Braziljo. Iun tagon aperis sinjoro kiu komencis klarigi al mi kaj al la ĉeestanta publiko, ke E-o estas subtenata de la spiritistoj, kaj ke Esperanto havas ligon kun spiritismo. Mi respondis, ke mi pri tio ne sciis. Li konsilis al mi bone informiĝi! Mi re-respondis ke oni prezentas E-on kiel internacian neŭtralan lingvon. Sekve de tio ĝi ne rajtas havi ian ligon kun nacioj, politikaj partioj, ekonomikinfluaj grupoj, kaj religioj. Se estas vero ke Esperanto havas ligon kun iu religio, ĝi estas nenio pli ol granda trompo.

Roberto Resende

## EL LA LETERKESTO

De longe BRAZILA ESPERANTISTO estas bona publikigaĵo de la brazila E-Movado. Sed, nuntempe, ĝia kvalito grafika kaj enhava - metas ĝin inter la plej bonaj de la tutmonda E-gazetaro... Gratulon al la Estraro de BEL, ne nur pro la revuo, sed ankaŭ pro la aliaj konkeroj, kiuj meritigis al Brazilo la premion "Fyne", en la UK de Adelajdo...
Jayr Salles (Rio de Janeiro, RJ)



La prezidantino de BEL dum la inaŭgura solenaĵo de la 9-a Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto en Porto Alagre, RS - 26-28/09/97, kaj ĉe la 4ª IKI en Bona Aero - 09-12/10/97.



## SISTEMA INFORMADO

Kial ni ne lanĉas tutmondan alvokon por sistema informado? Mi povos kolekti kaj sendi la informojn ANTAŬ la okazontaĵo. En ĉiuj landoj (aŭ land-regionoj) iu kompilos la Internet-adresojn de kiel eble plej multe da amas-komunikiloj (redaktejoj de gazetoj, TV, radioj, k.s.) Tiu faros dosieron.TXT kun ĉiuj ret-adresoj, sinsekve skribitaj, apartigitaj nur per komo. Iu (la respondeculo pri informado de UEA, Eventoj-redaktoro, aŭ eĉ mi mem) redaktos ĵurnalismstile la novaĵon kaj transsendos al la landaj kontaktoj. Tiuj tradukos ĝin nacilingven, resumos la informojn pri la aliaj landoj kaj aldonos detalojn de sia lando aŭ regiono. NE FORGESANTE, PIEDNOTE, METI RET-ADRESON KAJ TELEFONNUMERON POR KONTAKTO - KAJ NEPRE - LA ADRESON: http://esperanto.net
Tiun nacilingvan mesaĝon ŝi/li transsendos al ĉiuj redaktejoj (ne esperantistaj) de sia lando/regiono, simple kopiante al la loko de la adresato la dosieron antaŭe faritan kun la ret-adresoj. Tiamaniere ni povos atingi grandan procenton de ĉiuj amaskomunikiloj en la mondo! Nu, kion vi opinias? Ĉu farendas kaj fareblas?!?
R. Resende, mailto: rresende@brnet.com .br
+ 55 61 225-5499 respondeculo pri informado de Brazila Esperanto-Ligo.
mailto: bel@brnet.com.br/bel/bel httpt://esperanto.net

# PROPONOJ

Ĉi-kune mi sendas al vi du 'anoncetojn' koncerne al la Internacia Lingvo. Mi petas ke vi eldonigu ilin en unu el la ontaj numeroj de la periodaĵo 'Brazila Esperantisto'. Se tio eblas, mi ankaŭ ŝatus ricevi vian leteron/respondon aŭ sugeston koncerne al la du anoncetoj.
Pekim T. Vaz (Belém, PA)

*NDLR-Ni danke ricevis vian kontribuaĵon al BE, nome la tekstojn de du anoncetoj, kies proponoj estas interesaj kaj sufiĉe gravaj. Rilate al publikigo en BE ni klarigas ke la revuo tamen estas en esperanta lingvo, tiel ke ni aperigas la celon de la proponoj kaj indikos vian adreson, por delatoj, al interesiĝantoj.*

## ORKIDEO 'ESPERANTO'

Mi proponas ke, kelkaj esperantistoj sendu leterojn al botanikaj, sciencaj, priĝardenaj, agronomiaj, ekologiaj kaj al aliaj gazetoj (ekzemple: Globo Rural, Manchete Rural,Mundo Rural, Ecologia & Desenvolvimento,...), kaj ankaŭ al fakuloj, kolektantoj kaj al societoj pri orkideoj (en multaj ŝtatoj estas 'Societoj de orkideofiloj' / de 'Kultivistoj de Orkideoj'). Krom tio, mi multe ŝatus ricevi ideojn, sugestojn por plibonigi tiun 'projekton/ideon'. La baza enhavo de la korespondaĵo devas esti: Nomigi 'esperanto' al iu nova orkideo-specio. Se la redaktistoj de la diversaj gazetoj ricevos multe da leteroj, tutcerte ili reagos favore al Esperanto.
Pekim T. Vaz, Caixa Postal 182,
66017-970 Belém, PA

## ESPERANTO EN LA 'ALMANAKO ABRIL'

Mi proponas ke kelkaj esperantistoj sendu leterojn al la redaktistino de la 'Almanako Abril', kaj petu ke ŝi publikigu rubrikon koncerne al la lingvo Internacia Esperanto, en la eldonota 'Almanako Abril-1998'. Tiu eldonaĵo estas vendata en librovendejoj kaj en strataj gazetvendejoj de preskaŭ ĉiuj brazilaj urboj, kaj legata de multe da gelernantoj, geinstruistoj kaj de aliaj profesiuloj. Do, ĝi estas unu en la ĉefaj brazilaj konsult-verkaĵoj, pro tio ĝi helpos diskonigi bazajn konojn pri Esperanto, eĉ pri nia movado. Adreso: Lucila Camargo, Diretora de Redação do 'Almanaque Abril', Rua do Curtume, 585, Bloco A, 6º andar, S.Paulo, SP 05065-001. Se la redaktistino de tiu verko ricevos multe da leteroj, tutcerte ŝi reagos favore al Esperanto.
Pekim T. Vaz, Caixa Postal 182
66017-970 Belém, PA

## EDWARD SYMOENS PROPONIS EN 1985 KAJ NUN MI REPROPONAS

Lia propono dum antaŭkongreso en Antwerpen estis bonega ideo por disvastigi Esperanton tutmonde, sed laŭ mia scio, tio neniam estis farita. Kaj bedaŭrinde Symoens nun jam forpasis. Do honore al li nun mi ripetas ĝin.

Estas bone proponi Esperanton speciale al tiaj personoj, kiuj interesiĝas pri internaciaj personaj kontaktoj. Multaj profesiuloj ŝatas interŝanĝi siajn ideojn kaj spertojn kun alilandaj samprofesiuloj. Do se inter tiuj estas multaj esperantistoj, ili povas sukcesplene korespondi kaj ĉeesti internaciajn fakajn kongresojn.

Tial Symoens sugestis: ĉiun jaron ni elektu fakon kaj skribu artikolojn por ĉiuj internaciaj Esperantaj gazetoj, petante ke ĉie en la mondo la esperantistoj faru bonan informan propagandon pri Esperanto al tiuj fakuloj kaj organizu por ili kursojn, kiuj inkludas la fakan vortaron por tiu grupo. Samtempe oni skribu artikolojn por naciaj ĵurnaloj pri tiu agado, anoncante la kursojn. Al la kursanoj oni diru, ke en la tuta mondo iliaj samfakuloj nun sekvas esperantan kurson, tiel ke tuj post la kurso ili povos korespondi fake kun alilandanoj, kaj loke ili povos organizi fakan grupon.

Ĉiujare en Decembro kaj Januaro oni elektu alian fakon por konkeri. *Oni=...kiuj? Iu komitato?*

BONEGA IDEO, ĈU NE?

Sekvas listo de profesioj. Elektu unu por prezenti dum nia kunveno. Tio estos la konkerenda fako por 1998. Poste...ek al la laboro!

Skribu artikolojn por esperantaj gazetoj kaj portugale por lokaj gazetoj kaj sciigu nian planon per Internet. Petu la kunlaboron de UEA kaj TEJO. Al la listo vi povos aldoni alian fakon.

Instruistoj, preparu vin. Ni bezonos multajn el vi Sukceson!

1 - Internaciaj politikistoj kiuj devas diskuti mondproblemojn en internaciaj kunvenoj, ekz: Eŭropa Komunumo 2 - ĵurnalistoj 3 - sciencistoj, ekz kemiistoj, fizikistoj, ekologoj, astronomoj 4 - inĝenieroj 5 - ekonomiistoj 6 - policistoj 7 - kuracistoj kaj veterinaroj 8 - sportistoj (verŝajne irontaj al la Olimpiado) 9 - skoltoj 10 - verkistoj 11 - turismoagentoj kaj gvidantoj 12 - vagonaristoj 13 - flugentreprenoj 14 - direktoroj de lernejoj 15 - ... 16 - ... 17 - ... 18 - ... 19 - ... 20 - ... ... ... ...

May Bijleveld

# BRAZILA ESPERANTO-LIGO

*DEZIRAS*



***Feliĉan kaj prosperan Novjaron 1998 al ĉiuj kaj dankas pro ricevitaj salutoj!***



















Internacia Esperanto-Konferenco en Trieste, Italio
18-24jul98

*Kultura heredaĵo de Romo*
prelegoj kaj debatoj
debato kaj voĉdonado por
**OSIEK-premio**
Tritaga postkonferenca turismo



Informoj, aliĝoj: **Elda Doerfler,** Triesta Esperanto-Asocio, C.P. 601, IT-3410 TRIESTE Italio
**tel.** (040) 76 32 44, **tel./fakso** +39 40 763128
**Eric Laubacher,** 1 rue des Vosges, FR-78180 Montigny-le-Bretonneux, **tel.** +33 (0)1 30 96 67 91
**ret.** Eric.Laubacher@mail.dotcom.fr
**TTT.** http://www.teaser.fr/~elaubacher/OSIEK

BRAZILA ESPERANTISTO



Kontribuaĵo de Dilmá Cavalcante Bandeira (Kultura Esperanto-Centro de Goiânia, GO)

CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP - Tel./Fakso - (012) 262-1983